# Ekzile

Du noveloj de
**Mircea Eiade**
elrumanigitaj de
Ionel Oneț



La KromKancerKliniko

€ 4,40

## Antaŭparole



Kial „Ekzile"? Malgraŭ la kurta demando, la respondo estas multe pli longa: eble ĉar...

... la aŭtoro verkis la du novelojn en ekzilo,

... la tradukinto esperantigis ilin en ekzilo,

... la unua novelo temas pri eventualaj ekziliĝuntoj,

... la dua pri veraj ekziliĝintoj,

... aŭ eble pro alia kialo, neniel evidenta el la du tekstoj: *En la ombro de lilio* titoliĝis en la komenco *L' ekzilo*,

... kaj se tio ne sufiĉas, eble pro la fakto ke antaŭ 1991, kiam ili aperis en Rumanio[1], la du noveloj estis konataj nur (ĉu?) al rumanoj en ekzilo.

La rumanidevena usona verkisto Andrei Codrescu (n. 1946) diris [pli-malpli], ke la plej granda eksporto de Rumanio estas homa cerbo. Kiam li diris tion, li jam estis en ekzilo, en la sama lando en kiu tiam estis ekzilita ankaŭ la tradukinto de la jenaj du noveloj, kaj en kiu estis vivinta ekzile, dum tri jardekoj, ilia aŭtoro, Mircea Eliade.

Sed Eliade ne estis iu ajn ekzilito en iu ajn lando; li estis la Ekzilito „en la Universo, en la Kosmo", por paŭsi fragmenton de liaj rememoroj.

La onta erudiciulo naskiĝis la 13an de marto 1907 (la 28an de februaro laŭ la Julia kalendaro, tiam ankoraŭ uzata en Rumanio)[2], en Bukareŝto[3].

Jam kiel infano li montris apartan interesiĝon al kulturiĝo kaj erudiciiĝo, kaj frue eklegadis ne nur en sia denaska lingvo, la rumana, sed ankaŭ en la franca kaj germana, kaj poste la itala kaj la angla.

Elementaj, liceaj kaj universitataj studoj en la naskiĝurbo.

Kiel 13-jarulo li komencis kunlabori kun *Ziarul ştiinţelor populare* (Ĵurnalo pri popularaj sciencoj), en kiu, kiel 14-jarulo, li aperigis la artikolon „Kiel mi malkovris la filozofian ŝtonon".

Je la momento kiam li komencis siajn universitatajn studojn (1925), li estis jam publikiginta centon da artikoloj kaj, felietone, *La romanon de miopa adoleskanto*.

En 1928 li ricevis hindian stipendion por studi hinduan filozofion en Hindio mem, en la Universitato de Kalkuto. Reveninte en Rumanion (1932) li estis nomumita universitata asistanto en la Universitato de Bukareŝto, ekde 1933. En tiu ĉi sama jaro li doktoriĝis per la tezo *Yoga: Essai sur les origines de la mystique Indienne* (Jogo: Eseo pri la originoj de la hindua mistiko).

En 1934 li edziĝis por la unua fojo, sed lia edzino (Nina Mareş) forpasos post dek jaroj.

Inter 1940 kaj 1945 li laboris kiel kultura ataŝeo en Londono kaj kiel ambasada kultur-konsilisto en Lisbono.

Post la dua mondmilito, en Rumanio instaliĝis komunisma reĝimo, sub la atenta kontrolado de Moskvo. Liaj ŝato al libereco, sendependa pensado, interesiĝo pri religioj, kaj iamaj ligoj kun la politika dekstrularo de Rumanio, trudis al Eliade la ekzilon, el kiu li neniam revenis. En 1945 li migris al Parizo, kie jam setlis granda nombro de rumanaj erudiculoj. Helpe de George Dumézil (1898–1986) li akiris en la franca ĉefurbo part-tempan instruistan postenon ĉe l'École des Hautes Études kaj ĉe Sorbono. Ekde nun plejparto de la nefikciaj verkoj de Eliade estos verkita en la franca.

En 1950 li edziĝis, por la dua kaj lasta fojo, al Cristinel Cotescu, kiu postvivos lin.

En 1956 li prelegis, invitite, en la Universitato de Ĉikago, kie, en 1958, estis proponite al li fariĝi estro de la fako pri religi-historio. Li restis tie ĝis sia morto, tri jardekojn poste (22 aprilo 1986). Dume, li instruis kaj/aŭ prelegis en dekoj kaj dekoj da lokoj en, praktike, ĉiuj partoj de la mondo, kaj redaktis fakajn periodaĵojn.

Ne sufiĉe konata en sia denaska lando dum la komunisma diktaturo, Mircea Eliade famiĝis tra la tuta mondo kiel, eble, la plej konata rumana erudiciulo. Kvankam fama precipe pro siaj nefikciaj verkoj okupiĝantaj pri religio, religi-historio, filozofio, Eliade estis ankaŭ senlaca verkisto de fikciaj literaturaĵoj (romanoj, noveloj, teatro), verkitaj preskaŭ senescepte en la rumana, kaj videble influitaj de liaj fakaj priokupiĝoj.

Granda parto de lia verkaro estas jam tradukita al pluraj lingvoj kun la, ĝis nun, bedaŭrinda escepto de Esperanto.

Se ne enkalkuli kelkajn fragmentojn de *La romano de miopa adoleskanto* (preta publikiĝi libroforme), aperintajn en Esperantaj periodaĵoj en la jaroj 1990, la E-lingva publiko ne havis, laŭ nia scio, aliajn kontaktojn nialingve kun la verkaro de Eliade.

Listigi tiun imponan verkaron postulus kompletan suplementon de *LKK*. Aliflanke, mencii nur kelkajn verkojn estus, en nia opinio, nejuste. Ni rezignas do pri tia parta listigo kaj, krom la supre aluditan romanon, verkitan dum la adolesko de la aŭtoro, ni menciu lian plej popularan romanon, inspiritan de lia vivo en Hindio, kies Esperanta versio estas en preparo por publikigo en la serio Oriento-Okcidento: *Maitreyi*.

La du ĉi-sekvaj noveloj tradukiĝis dum la somero de 2005, preambule al „La jaro Eliade", festota en 2007; ili aperas okaze de la 20-jariĝo de la morto de Eliade. Eĉ se ili ne estas inter la ĉefverkoj de la aŭtoro, ni esperas ke la Esperanta publiko ŝatos ilin same kiel la tradukinto kaj la kontrollegintoj, Heidi Goes, Angela Tellier, Francisco L. Veuthey kaj Rob Moerbeek, al kiuj direktiĝas niaj dankoj.

I.O.

---

[1] En volumo *Nuvele inedite*, Bucureşti: Editura Rum Irina, 1991.

[2] La familio de Eliade festis lian naskiĝtagon la 9an de marto (laŭ la Julia kalendaro), kiam la rumanaj kristanortodoksuloj festas la 40 Martirojn, kaj Mircea adoptis tiun tagon kiel sian naskiĝdaton.

[3] rumane: Bucureşti.

# FRATO DISIPA

Ambaŭ kuŝis senmove, kun la vangoj surgrunde, aŭskultante la batojn de la tera koro. Super ili, kvazaŭ forege, tremetis de tempo al tempo la pintoj de la maizoj timtremigante ilin.

– Ĉu aŭdiĝas io?

La alia levis iom la kapon, turnante ĝin al la ĉeŝosea fosaĵo, kaj alproksimigante la palpebrojn, brovsulke, provis penetri la silenton, jen kaj jen interrompitan de grilo. Li aŭskultis tiel iom da tempo, senspire.

– Nenio! – flustris li finfine, kaj suspiris profunde, avide. – Dio helpis, kaj ni eskapis ankaŭ el tio!... Nun, ĝis la sekva patrolado, ĉi-nokte, ni ne havas zorgojn... Sed mi sugestas ke ni eniru pli profunde en la maizkampon, por eviti la hundojn. Ĉar la noktpatrolo venos certe kun hundoj...

Li ekrampis surventre inter la maizspadikoj, provante ne fari troan bruon. La kunulo lin sekvis silente, kun la okuloj duonfermitaj por defendi ilin kontraŭ la polvo. Li antaŭeniris pene, kun la dentoj kunpremitaj. Li aspektis laca post nokto da forta marŝado; liaj lipoj palis sekiĝinte, la frunto, delonge nekovrita, estis malpura, kaj la hararo, rara, sen preciza koloro, estis taŭzita. Li haltis post kelkaj minutoj kaj flustris:

– Donu al mi iom da akvo, mi petas!...

La alia turnis la kapon mire, sed alproksimiĝis kaj donis al li la ladbotelon. Vidante kiel li englutegas soife, li ne povis deteni sin rimarkigi, penante rideti:

– Kvazaŭ vi ne estus trinkinta de kiu scias kiom da tempo!... Kaj fakte pasis eĉ ne unu horo de kiam vi malplenigis vian botelon!... Ja videblas ke vi ne kutimas je varmego!...

La kunulo viŝis al si la lipojn dorsmane kaj redonis al li la ladbotelon sen diri vorton. Poste li turniĝis, zorge, kaj sternis sin sur la dorso, apogante la kapon sur tersulkon. Li metis la manojn ŝirmile super la okulojn kaj spiregis profunde, plenbuŝe.

– Vi nomiĝas Toader[4], ĉu ne? – flustris la alia, ankaŭ li proksimigante la kapon al la sama tersulko.

– Tudor Păunescu. Sed ĝi ne estas mia nomo: ĝi estas speco de *nom de plume*[5], aŭ, se vi preferas, *nom de guerre*[6], – aldonis li ridete.

[4] Popola formo de Tudor.

– Haa! – elbuŝigis la alia konfuzite.

Kaj post longa paŭzo, rimarkante ke la kunulo diras nenion, li rekomencis:

– Ĉu vi konas Bălan'on delonge? Kiom li laŭdis vin!... Kiam mi diris al li ke mi volas fuĝi... mi devis diri, ĉar mi lasis en lia prizorgo kelkajn aferojn...

– Mi konas la historion, – interrompis lin la alia. – Bălan rakontis ĝin al mi. Mi ja bone konas lin. En la fakultato mi estis kolego kun lia plej juna frato... Kaj jen tio helpis, – li aldonis levante la manojn desur la okuloj kaj ridetante, – ĉar dank' al li mi eksciis pri viaj preparoj kaj ĉi-nokte, kun la Dia volo, ni transpasos la landlimon kune... Ĉu vi supozas ke ni povas ekbruligi cigaredon? – li komencis abrupte, alivoĉe, kvazaŭ li volus ŝanĝi la diskuttemon...

– Se vi scias eligi la fumon trainter la dentoj, ni povas. Tiel kiel oni faras en la unua linio de la fronto... Ĉu vi militis?...

– Ne. Mi ne estis atinginta la aĝon, kaj mi estis en la universitato. Mi apenaŭ sukcesis akiri la licencon antaŭ ol alvenis ĉi tiuj...

Li parolis malrapide, senhaste, kvazaŭ li spirripozus post ĉiu vorto.

– ... Principe mi devintus eĉ havi katedron, laŭdire, katedron pri la rumanaj lingvo kaj literaturo!... Sed al kio utilus nun? Kiel ajn oni malfondis ilin!...

La alia restis revanta dum momento, rigardante lin profunde, per vigla scivolo. Poste li komencis ruli cigaredon, enpensiĝinte.

– Kaj alveninte tien, transe, kion vi planas fari? – li demandis post iom da tempo.

Tudor ŝultrolevis, enue, kvazaŭ naŭzus lin paroli pri tiaj aferoj.

– Dio scias, – li respondis. – Tion kio eblos kaj troveblos... Se mi nur vidus min el! – li aldonis suspire, kaj estingis la cigaredon sub glebo.

Ili silentis, longege. La varmego ŝajnhaltigis la tempon. Eĉ la griloj sensentiĝis, la pintoj de la maizoj ŝtoniĝis sub la blankeca, vitreca ĉielo. Tudor ekdormis. Sed li tuj vekiĝis spasmete, ronkete, kaj ĉirkaŭrigardis timigite. La alia rigardis lin, karese, ame.

[5] Pseŭdonimo, plumnomo. (france)

[6] Pseŭdonimo, militnomo. (france)

– Vi timiĝis dumdorme, – li kvietigis lin. – Kaj estus bone se vi ripozus iom!... Ĉar ĉi-nokte ni marŝos senĉese...

– Se ni nur vidus nin transe! – ekparolis Tudor emocie. – Mi ripozos poste... Nun mi ne povas dormi. Ankaŭ hieraŭ mi ne povis dormi. Tuj post kiam mi fermis la okulojn, io kvazaŭsufokis min; jen, ĉi tie, kvazaŭ iu kaptis min je la kolo, kaj premis ĝin por strangoli min!... Kaj mi vekiĝis!... Bonvolu doni al mi iom pli da akvo. Nur buŝplenon, por malsekigi la lipojn...

Li redonis al la alia la ladbotelon, kun kulporideto. Rigardante sian kunulon, apogantan sin sur la kubutoj, kvietan, kun la vizaĝo kovrita de ŝvito, kun la frunto sulkita kaj fortikaj makzeloj, paciencan, li hontis pri sia febleco. Kaj mi estas almenaŭ 20 jarojn pli juna ol li! li diris al si humiligite. Ja videblas ke li estas el alia materialo ol mi! Tiumomente li enviis liajn viglecon, tenacecon, serenecon.

– Sed mi demandas min, kion vi serĉas transe, – li komencis abrupte, rigardante lin en la okulojn. – Kio igis vin forlasi vian ĉardon por vagadi inter fremduloj? Ĉar, laŭ tio kion Bălan diris al mi, vi ne estas enplektita en aktiva politikumado... Aŭ eble li ne diris ĉiom?!...

– Ne, ne temas pri tio, pri kio vi pensas, – ridetis milde la alia. – Kaj ankaŭ vagadi longe inter fremduloj mi ne planas. Nu, eble kelkajn monatojn, eble malpli. Nur sufiĉe por atingi Parizon... Poste mi revenos. Mi havas edzinon, infanojn, mi havas fratojn... Mi havas pezan familion, sinjoro instruisto, – li parolis ŝercvoĉe, kun rideto signifoplena.

Li eĉ ekridis, sekrete, sed la alia saltetis kaj ĉesigis lin per abrupta gesto.

– Silentu! – li flustris. – Io aŭdiĝas!...

Ambaŭ retenis la spiradon. La pintoj de la maizoj skuiĝis dum momento, dormeme, poste malmoviĝis kvazaŭ ĉarmite. De ie atingis ilin la febla bojado de hundo.

– Ĉaro, – flustris trankvile Vătămanu. – Sed ĝi ne venas niadirekte. Ĝi malsupreniras al la ponto...

Tudor restis longan tempon aŭskultante kun la kapo levita kaj turnita al la ŝoseo. Per mildaj movoj, senhaste, lia kunulo malligis la manĝaĵsaketon kaj eligis panon, kelkajn malmole boligitajn ovojn kaj pecon de nefermentinta fromaĝo.

– Nur aferoj post kiuj oni ne povas trinki akvon, – diris li ridete, ŝirante pecon de pano kaj proponante al sia kunulo.

Ili manĝis silente, ĉiu regate de la propraj pensoj. Poste Vătămanu komencis ruli cigaredon.

– Instruisto pri la rumana lingvo, – diris li precipe por si mem, ridante denove kaj kapskuante. – Dio gvidis vin en mian vojon... Sciu ke tio estas Dia signo!...

Sed Tudor ne plu aŭdis lin; apoginte la kapon kontraŭ la tersulkon, li endormiĝis. Kampmuŝo ĉirkaŭflugis lian kapon cele sidiĝi sur ĝin. Vătămanu observis ĝin kun mano kaptopreta.

– Mia homo, – li flustris feliĉa. – Vi estas mia homo!... Dio gvidis vin en mian vojon.

En la maldekstra mano li tenis la cigaredon, el kiu li enspiris zorgege, de tempo al tempo, forigante senhaste la fumon. Subite li rimarkis la rigardon de la alia, fiksitan sur si.

– Ĉu mi longe dormis?

– Nu, eble dek minutojn. Kaj jen, vi ne timiĝis! Dormu daŭre!...

Tudor suspiris kaj turniĝis, streĉante la dorson.

– Mia dormemo pasis... Sed, ... ĉu ŝajnas al mi, aŭ ĉu mi sonĝis?! Ĉu vi diris ke vi iras al Parizo kaj poste revenos... Kio trafis vin?

– Tio estas granda sekreto, – ridetis Vătămanu. – Sed al vi mi povas riveli. Vi estas instruisto pri literaturo. Vi konas ĝuste la homojn kiujn mi serĉas. Parize, mi elturniĝus sola, sed pasus tro da tempo. Kial mi perdu ĝin survoje, dum hejme atendas min la edzino kaj la infanoj?... Kaj, – li aldonis post paŭzo, ridete, – dum min atendas Iliuț[7]!... Kvankam ĉi vojaĝon mi faras por li... Sed nun, ĉar mi scias kiu vi estas, estos pli facile. Sed, mi demandas min, kial Bălan diris al mi nenion? Li ja laŭdis, laŭdadis vin, sed li diris nenion pri via metio, literaturo. Mi komprenis ke vi estas erudiciulo, filozofo...

Tudor ridetis.

– Mi estis iom da ĉio, – li diris. – Tamen mi ne komprenas kion vi celas.

– Paciencon! Mi jam diris al vi ke tio estas mia sekreto. Neniu konas ĝin, krom, evidente, Iliuț... Li estas mia plej juna frato. Li nun havas 18 jarojn. Li ĵus finstudis la liceon, sed ne estis akceptita en la universitaton. Nu, vi scias, la novaj reguloj... La knabo poetas. Li poeziumas ekde kiam li estis dekjara. Kaj tio kion li verkas estas

[7] Diminutivo de Ilie.

mirinda. Li plenigis tutajn kajerojn. Poemojn post poemoj. Li eĉ publikigis kelkajn, iam, en la licea gazeto. Sed ekde kiam venis ĉi tiuj, ne plu aperas gazetoj, li ne havas kie publikigi. Kaj la knabo velkas videble. Li verkas senĉese, verkadas... Kaj komprenu, li ŝatus vidi sian nomon ie, en revuo, en libro. Li malsaniĝis pro tristo. Li estas nur ombro. Kaj li daŭre diras ke li ne havis bonŝancon, ke li naskiĝis tro malfrue, ke en aliaj tempoj li estus iĝinta granda poeto... Sed, kiel li diras, kiel la mondo konus vin, se oni ne povas legi vin?... Jen, venas la milito kaj Dio scias, kio okazos al ni, al liaj kajeroj... Se li almenaŭ povus aperigi ilin, eĉ en alia lingvo, eksterlande; se ili nur estus presitaj, konataj de la mondo... Kaj jen kion mi pensis. Estas nun en Parizo nemalmulte da rumanoj; inter ili ankaŭ verkistoj. Kial ne porti al ili unu-du kajerojn kun versoj? Por ke ankaŭ ili vidu ilin, poluru ilin se necese... Ĉar mia frato estas nur infano, kion li scias?... Kaj ili aperigu ilin tie, ĉe si, en la franca. Monon por la presado mi povus trovi. Kaj kiam mi havas la libron, mi kunprenas ĝin kaj revenas samloke...

Tudor rigardis lin koncentrite, kvazaŭ li penus kompreni, kio kaŝiĝas malantaŭ tiu ĉi neverŝajna rakonto.

– Se vi vidintus kiel li lumiĝis kiam mi diris al li! – rekomencis Vătămanu varme. – Kvazaŭ li estus alia homo!... Tio donas al li vivon, la penso ke aperos lia libro, eksterlande, ke ĝin povos legi tiom da homoj.

– Sed kial li, via frato, ne mem iras al Parizo? – demandis Tudor.

Vătămanu ridetis triste. Lia vizaĝo mallumiĝis subite kaj li mallevis la kapon.

– Li serioze malsanas. Pulme li malsanas. Li estis eĉ en sanatorio. Li eluzis sian junaĝon legante kaj verkante, nokton post nokto, ĝis frumatene. Kaj li malvarmumiĝis dum iu bombardo... Ni ne povis prizorgi lin tiam; vi ja scias kiel estis tiam. Ni estis rifuĝintaj al Piteşti[8]... Dum kelkaj semajnoj ni ne sciis unuj pri la aliaj... Sed se lia libro aperas en Parizo, mi vetas ke li kuraciĝos. Li jam estis alia homo kiam mi foriris... Mi ja konfesas: ĉe li la animo estas ĉio. Se li vidas sian revon plenumita, li refortikiĝos...

– Certe, – diris Tudor penseme. – Dio helpu nin bone alveni, kaj ĉio alia aranĝiĝos poste...

[8] Urbo en suda Rumanio, nord-okcidente de Bukareŝto.

– Ĉu vi konas iun en Parizo, kiu povus iom helpi min? – demandis ĝenite Vătămanu.

– Ne. Sed tio ne gravas. Post nia alveno tien, ni rapide elturniĝos... Sed kion vi faros kun la manuskriptoj se la hungaroj kaptas kaj priserĉas nin?

– Se Dio kaj Dipatrino volas, oni ne kaptos nin. Mi tenas ilin ĉi tie, ĉe la brusto, apud la ikoneto. Kaj se oni trovos ilin, mi pensis pagi iom, kaj eble oni lasos ilin ĉe mi... Oni vidos ke temas pri versoj. Kiel povas ĝeni onin la versoj de infano? Sendepende de lingvo, homo tuj rekonas versojn. Temas pri senkulpaj vortoj, revoj. Ne temas pri politiko, tio ne koncernas nin, versoj pri la ĉiutaga vivo.

– Jes, prave, – diris Tudor penseme. – Ĉu vi ne volas montri ilin al mi? – Li demandis subite, turnante la kapon al la alia. – De longe mi ne legis versojn. Precipe senkulpajn versojn.

Emocie kaj zorgege, Vătămanu malbutonis la ĉemizon kaj prenis el ŝtofa subveŝto kajeron kun molaj, nigraj kovriloj.

– Mi eĉ estas pensinta peti vin ĵeti rigardon al ili, – li diris timide. – Vi pasigus la tempon, tiel, kvazaŭ...

Tudor ekfoliumis la kajeron, nur rigardante la titolojn kaj la unuajn versojn, ĝis li haltis ĉe soneto, kiun li legis streĉe, brovsulke, luktante kontraŭ la dormemo. Post kelksekunda streĉo, li turnis la paĝon kaj haltis ĉe la sekva poemo. Ekvideblis sur lia vizaĝo rideto, rapide subigita de amariĝo. Li rekomencis legi fine de la kajero. Vătămanu mallevis la kapon por ne plu rigardi lin, kaj ekatendis kun rapidaj korbatoj. La minutoj ŝajnis longegaj kaj, tamen, ĉiufoje kiam li aŭdis paĝon turniĝi, li malkovris humile, kiel rapide ili kuris. Li levis plurfoje la manon por defendi sin kontraŭ la muŝo griza kaj magra, kiu senĉese ĉirkaŭflugis ilin. Kaj subite li vekiĝis kun la vizaĝo de Iliuț antaŭ si, kun ties ruĝa vizaĝo dum la disiĝ-momento, kaj tio trankviligis lin, donis al li certecon. La alia spiris pli kaj pli rare kaj profunde super la samaj paĝoj. Tiel pasis longa tempo. Kiam li levis la okulojn por rigardi lin, li konstatis ke li dormas.

– Povra knabo! – flustris Vătămanu tuŝite. – Li lacegas!...

Li etendis la manon kaj reprenis la kajeron. Atente, por ke la susurado de la papero ne veku lian kunulon, li serĉis ĝis li trovis sian plej ŝatatan poemon: „Aŭtuno en vitejo”. Li ĵetis plian rigardon super tiuj ĉi versoj, kiuj memorigis lin

pri la infanaĝo ie ĉirkaŭ Piteşti, kaj li ridetis kontente. Poste li ekatendis pacience. Li sentis dormemon en la tuta korpo, sed kontraŭis ĝin kaj tenis la okulojn malfermitaj. Lante, la maizkampo revenis el la letargio. La griloj revigliĝis, aŭdiĝis, metalece, la akridoj rande de la fosaĵo. De fore aŭdeblis nedistingebla abelzumado.

– Denove mi endormiĝis! – ekparolis Tudor, frotante forte la okulojn. – Bonvolu pardoni min!...

– Kial? Vi bone faris, – kuraĝigis lin la alia. – Sed ĉi-foje vi ja dormis!... Pasis pli ol horo!...

Tudor etendis la manon al la kajero.

– Ĉu vi legis ĉi tiun? – Vătămanu montris je la malfermita paĝo. Ĝi estas la peco kiu plej plaĉas al mi. Ĝi temas pri nia vitejo.

Tudor legis ĝin plenatente, kun la brovoj sulkitaj, malsekigante konstante la lipojn. Finleginte ĝin, li restis sendecida dum momento kaj ridetis.

– Jes, bela peco. Videblas ke temas pri io travivita, io aŭtenta, – diris li kun malfacilego.

La alia ensorbis liajn vortojn, rigardante lin profunde, en la okulojn. Ĝenite, Tudor mallevis la rigardon kaj aldonis:

– Evidente la knabo havas talenton. Sed li estas ankoraŭ tre juna. Li ne jam havis la tempon formiĝi. Li estas nur komencanto...

Kaj rimarkante ke Vătămanu silentas, li rapidis ekskuzi sin:

– Fakte vi ne devas atenti kion mi diras. Eble mi havas aliajn gustojn. Mi ŝatas alispecan poezion.

Li haltis denove, konfuzite, kaj ekbruligis alian cigaredon. La kunulo rigardis lin daŭre, ankoraŭ konfuzite.

– Ĉu vi ne volas plu legi? – demandis li post iom da tempo.

Tudor pasigis la manon sur la frunto, kaj subite turniĝis decide:

– Aŭskultu, s-ro Vătămanu, ĉu vi nur pro ĉi afero transiras la landlimon, aŭ ĉu vi havas ankaŭ aliajn aferojn?! Mi demandas, ĉar mi ne povas kredi ke vi riskas tiom pro kajero kun versoj, vi kiu havas pezan familion hejme...

Vătămanu ridetis triste kaj etendis la manon por la kajero.

– Mi bedaŭras ke ili ne plaĉis al vi, – diris li remetante la kajeron en la veŝton.

Tudor intencis aldoni ion, sed hezitis longe kaj fine faligis la kapon sur la tersulkon.

– Ni plu parolos transe, – diris li provante rideti.

Li fermis la okulojn kaj kovris ilin permane. Sed li ne sukcesis endormiĝi, kvankam dormo tentis lian tutan korpon. La alia restis senmova, rigardante en vakuon, super la trudherboj, super la spadikoj polvkovritaj. Formiko vagadis kelkajn momentojn sur lia brako, kaj li forskuis ĝin malrapide. Lante, lante, lia animo malheliĝis; kvazaŭ de ie gutis la sennoma amareco, la vanteco.

– Mi ne povas dormi! – krietis Tudor levante sin skue.

– Bedaŭrinde! – diris la alia. – Ĉar restas ĉirkaŭ ok horoj ĝis la paso de la patrolo...

– Pardonu ke mi enmiksiĝas en aferon kiu ne koncernas min, – parolis kun subita fervoro Tudor alproksimiĝante. – Sed bonvolu kredi min, tiuj versoj ne indas publikiĝi. Ili estas la versoj de adoleskanto, tiaj kiajn ĉiu el ni verkis tiuaĝe... Lasu pasi unu-du jarojn, kaj publikigu ilin tiam... Mi parolas kontraŭ miaj interesoj; ĉar kun vi mi sentus min pli sekura ĉi-nokte. Sed, kredu min, ne indas riski nur por tio!...

Vătămanu rigardis lin kun senkonsola trankvilo.

– Ne eblas, sinjoro instruisto. Ĉi tie sidas lia tuta vivo, en ĉi tiuj kajeroj. Kiam li refortikiĝos, li verkos aliajn, pli bonajn, sed dume ĉi tiuj estas lia vivo...

Tudor pasigis plurfoje la manon kombe tra la hararo, sendecide.

– Vi ne konas min, – ekparolis li finfine, – vi ne scias, kiu mi estas kaj kial mi fuĝas el la lando. Eble vi ekscios tion de Bălan, reveninte hejmen... Sed mi diros al vi aferon, post kiam ni alvenos transe, kaj vi konstatos ke mi pravis parolante al vi tiel kiel mi faris. Vi vidos ke vi revenos mezvoje... Aŭskultu min!... Vi vidos!... Ne necesos alveni ĝis Parizo!...

La alia aŭskultis lin kun amara rideto, skuante la kapon.

*

* *

La vojo tra la maizkampo ŝajnis al ili pli longa en la nokta frisko, sub la timo kiu rapidigis iliajn korbatojn ju pli ili proksimiĝas al la ĉeŝosea fosaĵo. La patrolo estis pasinta jam delonge. Dum ili aŭdis parolojn kaj la kurtan, timan bojon de la hundoj, ili ne malstreĉis la korpojn. Vătămanu signalis la ekiron. – Ekde nun ni ne plu parolu, –

flustris li. – Vi sekvu min kaŭre ĝis ni atingas la agron.

Ili rampis surventre en la fosaĵon. Ambaŭ restis senmovaj, kvazaŭ konfuzite de la grila trilado kaj de la propra spirado. Alia mondo subite sturmis super ilin, kun la firmamento, tuta, aperta, super ili, kun la sekreteca blanko de la ŝoseo, etendiĝanta antaŭ ili, kun la odoro de polvo, de pajlo kaj sterko. Post kelkminuta kaŝobservado, Vătămanu leviĝis malrapide kaj, kaŭre, komencis paŝi milde kaj konstante, funde de la fosaĵo. Kun la kapo klinita, Tudor sekvis lin senspire. Ŝajnis al li ke io eniris lian sakon kaj li haltis por eligi ĝin, pendiginte ĝin sur la ŝultron. Vătămanu atendis lin silente. Ili ekiris denove, kaj marŝis senpense, kvazaŭ komence de revo. Subite Tudor rimarkis ke inter ĉiuj tiuj miraklaj bruoj, aŭdeblas, klare, la fora kvakado de la ranoj, kaj li ridetis. La bildo de lago, iam, dum nokto alitempa. En la lasta licejaro. Li estis kun Ada. Sed ŝajne estis pli malvarme kaj pli malseke. Super la akvo ŝvebis vitreca nebulo. Kaj supre, la Laktovojo. Aliaj tempoj.

Li vekiĝis ĵetiĝinta surventre, kun la spino frosta kaj la koro batanta kreve. Li vidis Vătămanu'n kuŝiĝi per streĉa svingo, kaj li faris same antaŭ ol kompreni pri kio temas. Kaj li komencis atendi; atendo alispeca, pli terura, pli malfacile eltenebla. Li ne kuraĝis eĉ rigardi, iom levi la kapon por vidi kion faras la kunulo. Li restis tiel, kun la vizaĝo dronanta en polvkovritaj trudherboj, kun nedifinebla gusto en la buŝo, kiu memorigis lin pri nenio. Fine li aŭdis distingiĝi la leĝeran paŝadon de Vătămanu, kaj leviĝis ankaŭ li. La alia haltigis lin per mangesto. Li restis duonklinita, ne kuraĝante rekuŝiĝi, neaŭdacante movi la sakon en la alian manon. Sed, post kelkaj sekundoj, li aŭdis la kurtan fajfon de Vătămanu kaj, hezite, ekaliris lin. Kio okazis? La patrolo pasis antaŭ longe kaj la ŝoseo estas dezerta. Li levis la kapon aŭdace kaj la Laktovojo bonvenigis ĝuste super li, kaj lia tuta estaĵo dronis en trista feliĉo. Kiel bonas vivi, kiel bonas!...

Ili ne plu konsciis kiom longe ili marŝis en la fosaĵo kaj ankoraŭ ne atingis la agron. Delonge ili postlasis la maizkampon. Ili preterpasis kadukan heĝon, kiu iom redonis al ili trankvilon, kaj ili povis iom rektiĝi. Poste ili preterpasis kelkajn izolitajn salikojn. La nokto spiris – ŝajne pli profunde tie ĉi. Odoris je artemizio, je fortaj kampofloroj. Poste ili atingis la montetbazon, kun ties kelkaj grandaj ŝtonoj, blankaj, ruliĝintaj ĝis la fosaĵo. Nur ke ni ne misvoju! li diris al si mem. Kiel ni alvenis ĉi tien antaŭ ol trafi la agron? Sed post kelkaj momentoj li ridetis feliĉa, kiam li ekvidis Vătămanu'n senembarase turniĝi maldekstren kaj signi al li rapidi. Ĉi-foje ili paŝis sur grundo subite kotiĝinta, rapide sekigita de la trosekeco. Ni eskapis! li diris al si mem pretiĝante marŝi. Fore, dekstre, videbletis la lumetoj de la landlimgardistejo.

Kion li volis diri per „transe"? demandis sin refoje Vătămanu, palpinte unu plian fojon la ĉebrustan ikoneton. Tiu ĉi demando iom forĉasis lian amarecon, mildigis lian tristecon. Li penadis deĉifri ĝin, sed sensukcese. Kiel povus li scii ke mi revenos mezvoje, jam transpasinte la plej malfacilan parton? Li ridetis. Videblas ke li estas juna, sensperta. Ĉu vere konsideri liajn vortojn... Tiumomente ŝajnis al li aŭdi voĉojn, kaj li haltis kaŭrante. Li turnis la kapon por vidi kion faras Tudor kaj vidis lin kuŝi sur la agro; nur lia sako evidentiĝis, kvazaŭ stranga ĝibo. Kaj la nokto ŝajnis fariĝinta pli klara, eĉ se senluna. Tro vive brilis la steloj. De kie venas la voĉoj meze de la kampo? Estis nur ŝajno... kaj li daŭrigis.

Kiam ili eliris el la agro estis vera malvarmo. Ene de unu horo tagiĝos, diris al si Vătămanu. Ni rapidu!... Jam videblis la pajlostakoj flankantaj la grandan ŝoseon. Transe estis la vilaĝo. Ĝin anoncis, meze de ĝia dormado, la maloftaj bojoj de raŭkaj hundoj. La pasejo estis je ĉirkaŭ kvin cent metroj, ĉe la kurbiĝo de la ŝoseo. Li konis la lokon bone: li estis koncentrita ĉi tie komence de la milito. Iom da solecaj arboj kaj poste dezerto. Kiel bone estis tiam! Kaj kiel bone estis hieraŭ, kaj antaŭhieraŭ!...

Subite li aŭdis la krion: – *Stoj!*[9] kaj ŝajnis al li ke ĝi venas el alia mondo. Li ne komprenis ĝin. Li levis la sakon kaj, rapide, la brakon por signi al la kunulo sekvi lin, kaj ekkuris al la landlimo. Li kuris senpense. Li retrorigardis unu solan fojon al Tudor, al la limgardistoj – kaj ekvidis sian kunulon kaŝiĝi en la salikaron. – *Stoj! Stoj!* Unu pafsono, bojado de incitita hundo. Nu, kio estos estos, li diris al si mem kaj impetis pli forte en sia kurado. Li aŭdis pliajn pafojn, pli kaj pli forajn, kaj sentis malantaŭ si la anhelantajn hundojn. Sed kion faras la instruisto? Li turnis la kapon unu plian fojon, sed ne plu vidis lin. Li en-

[9] Haltu! (ruse)

poŝigis la manon por elpreni la tranĉilon, ĉar la hundoj estis jam proksime. Kaj tiam li aŭdis mallongan kraketadon, ĉesigitan kaj rekomencitan, de mitralo. Li apenaŭ havis tempon meti la manon sur la bruston, kaj falis senkonscia. Ia torporo, dolĉa kaj varma, en la tuta korpo. Unu plian fojon li sentis la veŝton kun la manuskriptoj, sed ankaŭ la dentegojn de la hundoj ŝirantajn lian manon – sen ajna doloro, kiel en sonĝo. Kaj la instruisto volis diri al mi ion, transe!... Li ridetis konfuzite, glitante dormeme, delice, en la mallumon...

Paris, marto 1949

(Originala titolo: *Fratele risipitor*)

# EN LA OMBRO DE LILIO

Apenaŭ li levis la fingron desur la sonorilbutono, kaj la pordo abrupte malfermiĝis kun bruo. Li konsciis ke li levis, minace, la vinbotelon, kvazaŭ li volus defendi sin, kaj li ruĝiĝis.

– Ĉu vi ne plu rekonas min? – li demandis, sukcesante tamen rideti. La alia rigardis lin sulkbrove, suspekte, nepovante kaŝi sian nervoziĝon.

– Mi estas Postăvaru. Ionel Postăvaru. Ni estis kolegoj en la Liceo „Sfântul Sava"[10].

Kaj ĉar la alia kontentiĝis ŝultrolevi, li demandis:

– Ĉu ne estas vi la advokato Enache Mărgărit el Bukareŝto?

– Jes ja, mi estas...

– Nu bone, ni estis kolegoj en la unuaj kvar licejaroj. En la Liceo „Sfântul Sava", – li ripetis.

Mărgărit ridetis melankolie, kaj ŝultrolevis denove.

– Antaŭ longa tempo, – li diris.

– Tre longa! Kvardek ok jaroj... Sed ni renkontiĝis plian fojon, en Bukareŝto, ĉirkaŭ la militon. Mi povas eĉ diri la daton: marto 1939. Ni renkontiĝis sur la Bulvardo, antaŭ la librovendejo „Cartea Românească"[11].

– Mi ege bedaŭras, – lin interrompis Mărgărit. – Mi ne plu memoras.

Li elbuŝigis la vortojn rare, iel maleme.

– Pardonu ke mi insistas, – rekomencis Postăvaru post kelkaj momentoj de hezitado. – Mi komprenas ke vi okupatas.

– Mi atendas amikon, – denove interrompis lin Mărgărit. – Kiam mi aŭdis la sonorilon, mi supozis ke estas li, kaj mi eĉ miris, ĉar kutime li malfruas.

Ĝentile Postăvaru eligis sian poŝtukon kaj viŝpasigis ĝin sur la frunto.

– Plian fojon mi pardonpetas. Sed temas pri io tre grava. Mi celas diri, io tre grava por mi. Apenaŭ hieraŭ mi malkovris vian novan adreson. Kaj morgaŭ matene mi devas foriri, kaj ne scias kiam mi havos alian okazon halti en Parizo... Temas pri io tre grava, – li ripetis. – Estas afero kvin-, ses- maksimume dek-minuta. Mi alportis al vi vinon, – li aldonis donante al li la botelon, iom ĝenite. – Ili certigis min, ke ĝi estas la plej bona, kiun ili havas... Ne plaĉis al mi la papero en kiu ili pakis ĝin, do mi lasis ĝin en la taksio...

– Dankon. Sed ne necesis la ĝeno. Bonvolu enveni. Kiel vi povas vidi regas granda malordo. Mi ĵus transloĝiĝis...

Distrite li lokis la botelon sur breton sed, rimarkinte ĝian etikedon, li reprenis ĝin ambaŭmane, kaj rigardadis ĝin mirege.

– Estas vera frenezaĵo! – li flustris. – Ĉi botelo certe kostis al vi riĉegaĵon.

– Ne gravas, – lin interrompis Postăvaru. – Mi diris al mi: ni devas festi nian renkontiĝon en Parizo. Ni konas unu la alian de 48 jaroj! Kaj, mi ripetas, por mi estas tre grave. Mi volas demandi vin pri io...

Li eksidis sur la kanapo, kaj eligis denove la poŝtukon.

– Demandu, – kuraĝigis lin Mărgărit proksimigante al la seĝo. – Sed ankaŭ mi ne havas multe da novaĵoj. Mi fuĝis el la lando antaŭ naŭ jaroj. La situacio multe ŝanĝiĝis post tiam. Mi bedaŭras...

– Ja, mi scias, – veis Postăvaru, – sed mi volis demandi vin pri io alia. Pri io rilata al nia lasta renkontiĝo, en marto 1939. Kiam mi renkontis vin tiam, vi estis arde parolanta kun amiko, antaŭ la librovendejo „Cartea Românească", kaj mi alproksimiĝis por premi al vi la manon. Mi estis vidinta vin ankaŭ aliajn fojojn, sed mi ne aŭdacis aŭ ĉar vi estis ĉirkaŭita de personoj kiuj timigis min, aŭ ĉar mi estis tro hastema...

Li haltis abrupte kaj faldinte la poŝtukon zorge enpoŝigis ĝin.

– Ne ridetu, – li rekomencis post paŭzo, – sed mi certigas vin ke tiuj kelkaj vortoj, tiu frazo, kiun diris li, via amiko, mi neniam sciis kiel li nomiĝas, sed mi scias ke li estis via amiko, eble ankoraŭ estas, se li ankoraŭ vivas... Kvankam pasis preskaŭ 35 jaroj, okazis la milito, kaj ĉio kio sekvis ĝin...

– Mi ne bone komprenas, – diris Mărgărit. – Mi ne scias kion vi aludas.

Postăvaru rigardis lin ĝentile kaj provis rideti.

– Pardonu, estas mia kulpo. Mi marŝis dum la tuta mateno, mi estas iom laca... Kaj, mi konfesu, sciante ke ajnmomente povas alveni via amiko, mi ne scias kiel komenci por povi diri ĉiom kiel eble plej rapide.

Mărgărit ridetis:

[10] Liceo „Sankta Sava" – longtradicia liceo en Bukareŝto, en kiu studis multaj reprezentantoj de la rumana elito.

[11] „La rumana libro".

– Ne timu, li estas tre bona amiko. Ankaŭ li estas rumano, rifuĝinto. Se li venas kaj se vi volas ke ni du restu solaj, mi petos lin atendi apudaĉambre.

– Ne! li povas resti. Vi vidos, ne temas pri ajna sekreto... Sed nun, post kiam vi trankviligis min, ĉu mi rajtas peti de vi unu plian aferon? Eble vi havas ĉemane botelon da biero; malvarma. Mi ege soifas. Mia buŝo sekiĝis.

Mărgărit stariĝis kaj aliris silente la kuirejon. Li revenis kun glaso kaj botelo da biero, kiujn li demetis kun troige ironia ĝentileco, sur la tableton antaŭ la kanapo.

– Nenio pli simpla, – li diris preta plenigi la glason.

Sed Postăvaru abrupte kaptis lin je la brako, ridetante konfuzite.

– Mi aŭdis vin! Vi ĵus prenis ĝin el la fridujo. Ĝi estas tro malvarma, kaj ne faras ŝaŭmon. Ni devas lasi ĝin iom da tempo, por ke ĝi taŭgiĝu. Kiel diris nia instruisto pri fiziko kaj kemio, Vasile Safirim, ĉu vi memoras pri li, Safirim? Li diradis: ĉio ĉirkaŭ ni povas glaciiĝi, eĉ la biero...

Surprizite, kvazaŭ timigite, Mărgărit retiriĝis unu paŝon, kaj rigardis lin kurioze, kvazaŭ li ĵus konscius, kiu li estas.

– Ha! jes, Vasile Safirim! – li ekparolis per ŝanĝita voĉo. – Povra Safirim! Foje mi estis trapasanta la tombejon Belu[12]. Estis bela aŭtuna tago. Mi memoras ĝis nun. Mi haltis por ekbruligi cigaredon, – tiam mi multege fumis – kaj mi estis forĵetonta la alumeton, kiam mi ekvidis freŝan tombon, kovritan per floroj. Kaj mi legis: PROFESORO VASILE SAFIRIM, 1880-1943. Povrulo! Tiam estis la unua kaj lasta fojo kiam mi vidis lian tombon. Iom da tempo poste okazis la bombardo far la usona armeo, kaj tiu parto de la tombejo estis distaŭzita... Ĉu vi memoras?

– Povra Safirim! Li estis granda klerulo. Li diradis: ĉio ĉirkaŭ ni povas glaciiĝi... Evidente, li pensis pri la malvarmiĝo de la tero. Sed por ne timigi nin, li aldonadis ŝerce: ĉio, eĉ la biero...

– Nun, mi ja povas verŝi, kaj vi vidos kiel leviĝas la ŝaŭmo. Jen!

Mărgărit turniĝis sur la seĝo brue.

– Nu, kaj kiu estis la amiko! – li demandis. – Mi celas, kiel li aspektis? Ĉu blonda, bruna, alta, eleganta?

[12] Tombejo en Bukareŝto, en kiu estas entombigitaj multaj reprezentantoj de la rumana elito.

– Ne eblas ke vi ne memoras, – interrompis lin Postăvaru, – ĉar, mi ripetas, tiam estis la lasta fojo kiam ni renkontiĝis, en marto 1939. Okazis sur la Bulvardo, antaŭ la librovendejo „Cartea Românească". Vi estis parolantaj ambaŭ samtempe, pasie, kvazaŭ pretaj kvereli. Via amiko...

– Sed kiel li aspektis? Al kiu li similis? Ĉu li estis pli juna ol mi, pli aĝa?

– Li aspektis niaaĝa. Li surhavis ĉapelon kun mallarĝaj ĉirkaŭrandoj, iom surnuke kaj, parolante, li gestis kurioze...

– Nome?

– Mi ne scias kiel klarigi. Li ofte levis la brakojn kvazaŭ volante pasigi la manojn tra la hararo, sed, vidu, li ne kuraĝis ĉar li surhavis la ĉapelon... Kaj tiam, nesciante kion fari per la manoj, li kaŝis ilin rapide en la poŝojn de la ṣurtuto. Ja videblis ke li estas nervoza. Li senĉese laŭtigis la voĉon... Ĉu vi daŭre ne memoras kiu li estis?

– Ne! Ĉapelo kun mallarĝaj ĉirkaŭrandoj...

– Sed tio kion li diris estis interesa, – daŭrigis Postăvaru. – Mi ripetas, vi ambaŭ estis nervozaj, pretaj kvereli. Laŭ tio kion mi komprenis, vi estis provanta konvinki lin repaciĝi kun iu el viaj komunaj amikoj. Mi ne komprenis kial ili kverelis, ĉar nek vi nek li aludis tion. Sed profunde impresis min tio kion li diris. Mi neniam estis aŭdinta ion tian. Mi volas diri, tiujn vortojn, pli precize, la koncepton, filozofian, eble eĉ mistikan, kiun li esprimis tiel abrupte, preparitan de nenio...

– Sed kion li diris? – interrompis lin Mărgărit, kun malfacile regebla senpacienco.

Postăvaru prenis la bierbotelon, sed subite repensinte, li remetis ĝin sur la pleton.

– Li diris... Sed atentu, mi devas aldoni detalon. Incitegite, vi demandis lin, ĉu li decidis aŭ ne repaciĝi kun via amiko, kun kiu li estis kverelinta. Li rigardis vin profundege, triste, kaj tamen ridetis. Ŝajnis al mi ke li eĉ ridetis sarkasme. – Nu jes!, li diris. Mi repaciĝos kun li en la ombro de lilio, en Paradizo! Aŭdu: *en la ombro de lilio!*...

– Strange ke mi tute ne memoras. Ĉu vi diris ke li estis blonda kaj surportis ĉapelon kun mallarĝaj ĉirkaŭrandoj?...

– Kaj gestis senĉese, – daŭrigis Postăvaru, – parolante pli kaj pli rapide. Kaj li enmetis la manojn en la poŝojn de la surtuto, kvazaŭ incitegite ke li ne povas pasigi ilin tra la hararo... Bonvolu streĉi vian memoron. Marto 1939. Antaŭ la librovendejo „Cartea Românească". Post lia foriro, ni faris kune kelkajn paŝojn, sed ne multajn, ĉar vi estis

nervoza kaj ne emis paroli... Nu bone, vi eĉ ne povas supozi kiom impresis min tiuj vortoj: ke li repaciĝos en la ombro de lilio, en Paradizo! Pli poste ili komencis obsedi min. Jes, obsedi min! Post kiam mi falis, vundite, ĉe la Dnestro. Pli precize kiam mi falegis, truigite de mitralo, kaj vekiĝis, nur dum momenteto, kun la vizaĝo en la koto rande de la ŝoseo. Ekde tiam mi ne povas forgesi. Kaj ĉiufoje kiam mi trapasis grandan danĝeron, kaj mi trapasis, kiel ĉiuj aliaj, multajn, revenis en mian memoron via amiko kun mallarĝranda ĉapelo, kaj mi aŭdis lin denove: Nu jes! En la ombro de lilio, en Paradizo...

Incitite Mărgărit turnis la seĝon proksimigante ĝin al la kanapo.

– Incitas min! – komencis li. – Incitas min ke mi povis forgesi...

– Mi petas vin, mi petegas! – insistis Postăvaru. – Streĉu vian memoron. Vi ne povas imagi kian servon vi farus al mi. Eble vi memoros pli poste, post mia foriro. Mi lasas al vi mian hotelan telefonnumeron kaj mian adreson de Zuriko. Telefonu al mi laŭvole. Estas tre grave!

Mărgărit aŭskultis lin distrite, promenigante la dekstran manon jen sur unu genuo, jen sur la alia.

– Sed, fakte, – li subite ekparolis, – mi ne bone komprenas kiel mi povus helpi vin.

– Se vi memoras pri kiu temis, vi memoros ankaŭ la jenan detalon: ĉu ili repaciĝis aŭ ne, ĉu ili ankoraŭ vivas kaj kion vi scias pri ili. Estas tre grave por mi! – li ripetis patose.

Tiumomente Mărgărit aŭdis paŝojn halti ĉe la pordo, kaj li alkuris por malfermi ĝin.

– Dank' al Dio! – li flustris.

Postăvaru stariĝis ĝenite desur la kanapo kaj aliris la ĉambromezon.

– Sinjoro Eftimie, la amiko kiun mi atendis, – prezentis Mărgărit. – Kaj li estas Ionel Postăvaru, mia ekskolego en la Liceo „Sfântul Sava", – li aldonis ridete.

Eftimie premis al li la manon rigardante lin longe, preskaŭ severe, en la okulojn.

– Mi ĝojas pro la konatiĝo, – li diris eksidante en la fotelon, kiun estis alproksimiginta Mărgărit. – Mi rimarkas ke al vi plaĉas la kanapo, – li daŭrigis rerigardante lin, enigme, en la okulojn.

– Ĝin proponis al mi la gastiganto, nia amiko, – provis klarigi Postăvaru ridetante. – Fakte...

– Do, de la Liceo „Sfântul Sava", – lin interrompis Eftimie. – Kia liceo! – li daŭrigis retromovante la dorson por pli bone apogi ĝin kontraŭ la fotela dorsapogilo. – Ĉio komenciĝis tie, ĉe „Sfântul Sava". Antaŭ nelonge mi parolis kun doktoro Tăuşan. Fakte, mi diris, kial li menciis al la knaboj, – ili ja estis nur infanoj 14-15-jaraj, – menciis do al ili tiun aferon pri la ombro de lilio en Paradizo? Ĉar ĉio komenciĝis de tio...

Postăvaru konsciis ke li ruĝiĝis kaj konfuzite serĉis la poŝtukon. Li aŭdis Mărgărit'on provi vane ridi sarkasme, sed li ne aŭdacis rigardi lin.

– Mi ne sciis, – komencis Mărgărit, emfazante la vortojn, – mi ne sciis ke vi kutimas aŭskulti ĉeporde antaŭ ol premi la sonorilan butonon.

– Kion vi celas diri? – lin interrompis trankvile Eftimie. – Kiu aŭskultas ĉeporde?

– La afero pri la ombro de lilio en Paradizo.

– Tion mi priparolis kun D-ro Tăuşan dum ni estis atendantaj la metroon. Kaj ni ambaŭ konsentis: estis stultaĵo...

Postăvaru direktis la rigardon al Mărgărit, poste stariĝis decide desur la kanapo.

– Permesu, – li diris. – Mi pardonpetas ke mi interrompas vin. Sed, mi konfesas ke mi, samkiel Mărgărit, apenaŭ povas kredi. Ĉar, Mărgărit povas konfirmi, mi venis por vidi lin – kaj mi ne vidis lin post marto 1939 – mi ripetas, mi venis por vidi lin, speciale por tiu frazo: *en la ombro de lilio, en Paradizo...*

– Ja, mi scias, – intervenis Eftimie, – la frazo kiun diris al ili li, la instruisto, ĉe la Liceo „Sfântul Sava"...

– Ne, kara, – interrompis lin Mărgărit incitite, – ne miksu la aferojn. Ni, Postăvaru kaj mi, estis kolegoj ĉe „Sfântul Sava"...

– Antaŭ 48 jaroj, – precizigis Postăvaru.

– Sed la historio kun la ombro de lilio kaj la cetero okazis multe pli poste.

– En marto 1939...

– La historio kun la ombro de lilio havas nenian rilaton kun la Liceo „Sfântul Sava", almenaŭ ne kun la Liceo „Sfântul Sava" de nia adolesko.

Li haltis elĉerpite, kaj residiĝis sur la seĝon.

– Mi estis diranta al vi tion kion mi parolis kun doktoro Tăuşan, – daŭrigis trankvile Eftimie. – Tio okazis post kiam ni renkontiĝis kun nia tuta grupo ĉe la kafejo „Excelsior". Mi bedaŭras ke vi ne ĉeestis, ĉar la aferoj komplikiĝas, – li aldonis mallaŭtigante la voĉon. – Kaj tio povas havi konsekvencojn por ni ĉiuj, por la rumanoj en ekzilo, mi volas diri...

Mărgărit ekstaris abrupte:

– Mi sentas ke mi perdas la sinregon kaj komencos krii! Pri kio temas?

Eftimie rigardis lin konfuzite dum kelkaj momentoj. Poste lia vizaĝo lumiĝis.

– Pardonu, – li diris, – mi supozis ke ankaŭ vi scias, sed mi forgesis ke la pasintan dimanĉon vi ne estis ĉe la preĝejo.

– Mi estis en la provinco, samkaŭze. La samaj enuoj. La samaj, foje kaj refoje!

– Mi ĵus memoris... *Bref*[13], ni renkontiĝis, kiel mi jam diris, ĉe „Excelsior". Por vidi kion ni povas fari por helpi Iliescu'n.

– Sed kio okazis al li! – interrompis lin denove Mărgărit.

– Vi ekscios tuj. Sed unue diru al mi, ĉu vi konas inĝenieron Iliescu.

– Mi ne konas lin persone, sed mi scias kiu li estas. Mi legis pri li eĉ en ĵurnaloj, kiel li sukcesis atingi Vienon kaŝite, dum kvin tagoj, en kestego.

– Estis eĉ pli eksterordinare ol tio, mi rakontos al vi alian fojon.

– Sed kio okazis al li? – insistis Mărgărit.

– Mi diros al vi tion kion diris al mi Iliescu. Imagu ke li estis translokita de Briançon[14] kaj ankoraŭ oni ne diris al li al kiu departemento oni sendos lin; dume li estas, laŭ la propra diro, „en ferioj". Kio plej gravas, estas ke li suspektatas. Li sentas, pli precize – scias, ke li estas sub observado. Kaj tio nur ĉar li rakontis al kelkaj kolegoj kion li eksciis de Valentin!...

– Aŭskultu! – lin interrompis Mărgărit apogante la manojn sur la seĝan dorsapogilon. – Mi ne bone komprenas pri kio temas...

– Sed mi ne finis!...

– Mi scias. Mi scias ke ankoraŭ vi havas multon por rakonti. Sed antaŭ ol vi daŭrigos, mi volas demandi vin, kion vi trinkos: kafon, oranĝsukon, vinon...

– Ĉi-hore mi dirus vinon.

Mărgărit aliris, kun certa graveco, la kuirejon.

– Kaj mi alportos ankaŭ botelon da biero por vi, – li aldonis turnante la kapon al Postăvaru kaj ridetante al li subkomprene.

Ju pli longiĝis la silento, des pli severaj sentis Postăvaru la rigardojn de la alia.

– La sama frazo! – li flustris. – Ni estas dekoj, eble centoj da miloj da rumanoj en ekzilo, disigite sur la tuta tersurfaco, kaj okazas ke ĝuste hodiaŭ, trapasante Parizon, mi serĉis Mărgărit'on por lin demandi pri frazo aŭdita en marto 1939, kaj vi, apenaŭ trapasinte la pordon, elbuŝigas la saman frazon. Kia koincido!...

– Se vi renkontas Iliescu'n, ne parolu al li pri koincidoj. Por li, matematikisto kaj granda fakulo pri statistiko, la plej eksterordinaraj koincidoj estas same naturaj kiel simpla frakcio...

– Matematike li pravus, sed...

Li ĉesis por helpi al Mărgărit meti la plenan pleton sur la tableton.

– Mi konstatas ke vi dorlotas min, – diris Eftimie levante la glason kaj tenante ĝin ceremonie en la dekstra mano.

– Matematike, mi diris, – rekomencis Postăvaru, – li pravus. Kaj tamen, *la sama frazo...*

– Sed ne estis lia frazo, – diris ridetante mistere Eftimie. – Elstara! – aldonis li post la unua gluto. – Mi ripetas: vi dorlotas min.

Mărgărit alproksimigis denove sian seĝon, eksidis kaj, kun abrupta gesto, elpoŝigis paketon de „Gauloises"[15].

– Estas la unua cigaredo, – klarigis li. – Fakte mi ne plu fumas. Sed mi ĉiam havas paketon ĉemane. Kiam mi sentas min tro nervoza, mi ekbruligas cigaredon. La pasintan dimanĉon, – li alparolis Eftimie'n, – mi fumis preskaŭ tutan paketon!...

– Malbone. – respondis Eftimie. – Pli bone vi restintus en Parizo por renkonti Iliescu'n... Por ekscii, kio atendas nin!

– Sed kial? kial? – demandis senespere Mărgărit.

– Ni parolos pri tio pli poste. Sed, bonvolu ne interrompi min. Ni komencu, do, de la komenco... Tio estis antaŭ du jaroj, kiam li akceptis ĉe si Valentin'on Iconaru. Vi scias, Iliescu estis laboranta en la Centro por vehiklo-kontrolado, kaj antaŭ kelkaj jaroj loĝis en Briançon. Li havis grandan domon, estis needziĝinta, tiel ke renkontinte Valentin'on, proponis al tiu ĉi loĝi ĉe li. Kvazaŭ ian sekretarion. Mi ne konas lin, sed laŭ la priskriboj de Iliescu kaj aliaj rumanoj kiuj vizitis lin en Briançon, tiu Valentin estus 25-26-jara, kaj ne estas aparte saĝa. Li ne volas lerni la francan, kvankam li scias legi, kaj legas ofte, sed li legas nur pri bestoj, kaj precipe pri insektoj. Kaj kiam li parolas, malofte, ankaŭ tiam li parolas pri bestoj. Iliescu ne povis baziĝi sur li, ĉar Valentin

[13] Resume. (france)
[14] Urbo en sud-orienta Francio.
[15] Marko de tre popularaj francaj cigaredoj.

malaperis el la konstruejo aŭ el la oficejoj de la Centro, kaj kiam li revenis, foje post du-tri tagoj, li ripetis ĉiam la saman ekskuzon: ke li postsekvis papilion aŭ skarabon aŭ ion alian, kaj misvojis en la montaro.

– Li devintus skoldi lin, kaj poste resendi lin al Parizo, por ke li vidu kion signifas ekzilo, – eksplodis Mărgărit.

– Iliescu havas oran koron, – daŭrigis Eftimie plenigante sian glason. – Kaj, li konfesis, tiu junulo, malsaĝa kia li estis, interesis lin ekde la komenco, ekde kiam li parolis, iun vesperon, pri kiel necesus reverki hodiaŭ *Souvenirs entomologiques*[16] de Fabre[17]... Sed, kiel mi jam diris, ĉio komenciĝis de okazintaĵo, ŝajne, banala. Antaŭ ĉirkaŭ du monatoj, ambaŭ staris apogante sin kontraŭ rokego, sub la plena suno, kaj li, Valentin, estis kaptinta bluan lacerton, kiun li tenis sur la polmo kaj rigadis avide. Kaj subite Iliescu aŭdis lin paroli, precipe por si mem: Kiam ni estos ĉiuj en Paradizo, en la ombro de lilio, mi komprenos kion diras al mi nun ĉi lacerto... Iliescu rigardis lin scivole kaj demandis lin ŝerce: De kie vi scias kiom altas la lilioj en Paradizo? La junulo ridetis ne levante la rigardon. Tiel diris al ni instruisto ĉe „Sfântul Sava". Fakte, li ne estis profesie instruisto, sed li ŝanĝis la nomon kaj havis falsajn dokumentojn ĝis malkovris lin la sekreta polico, kiu arestis lin.

Mărgărit saltis desur la seĝo kaj pasigis plurfoje la manon sur la frunto.

– Evidente! – li diris laŭte, – li estis! Flondor, Emanoil Flondor, la arkitekto. Kiel estis, ke mi ne memoris? Kun sia ĉapelo kun mallarĝaj ĉirkaŭrandoj. Tiam, en tiu printempo, li surportis ĉapelon. Tuj poste li rezignis pri la ĉapelo kaj eliris kiel li estis elirinta dum la tuta vivo, kun la kapo nekovrita.

Postăvaru krucosignis kaj, emocie, stariĝis.

– Bone ke, dank' al Dio, vi memoris! Kaj ĉu ili repaciĝis? Pro tio mi venis, – li aldonis moviĝante unu paŝon al Eftimie. – Por ekscii ĉu li repaciĝis kun sia amiko.

– Kun Sandy Valaori, la ĵurnalisto. Ili estis bonaj amikoj, kaj kverelis pro stultaĵo. Fine ili repaciĝis. Ili eĉ decidis festeni, nur ili du, ĉe sia plej ŝatata drinkejo, tuj post la fino de la milito. Sed ili ne sukcesis. Sandy'n oni enmiksis en la Maniu[18]-proceson kaj li ricevis 25 jarojn da peza punlaboro. Tiam Flondor malaperis, ŝanĝis sian nomon, akiris, oni ne bone scias kiel, diplomon kaj falsajn dokumentojn, kaj fariĝis instruisto pri historio, unue en provinca gimnazio, poste en Bukareŝto, por anstataŭi kolegon ĉe la Liceo „Sfântul Sava", kiu estis mortinta en aŭto-akcidento. Sed post 5-6 monatoj, ŝajne pro denunco, li estis arestita kaj kondamnita al 15 jaroj...

– Kaj ĉu oni scias ion pri ili? – interrompis lin Postăvaru. – Ĉu ili ankoraŭ vivas?

Malatenta, Mărgărit eksidis sur la seĝon, kaj serĉis denove la cigaredpaketon.

– Mi aŭdis ke Sandy Valaori mortintus kelkajn jarojn poste, en malliberejo. Kiel ajn, mi ne plu vidis lin. Rilate al Flondor, oni scias nenion precizan. Iuj diras ke ankaŭ li mortis, sen precizigi kiam kaj en kiuj kondiĉoj...

Eftimie ne povis kaŝi la nervozecon pro la interrompo, sed, aŭdante la lastajn vortojn de Mărgărit, turnis rapide la kapon.

– Aliaj diras ke li eskapis kaj fuĝis eksterlanden, sed, refoje, oni ne scias kiam kaj kiel...

– Tion povas diri al vi Iliescu, – intervenis Eftimie. – Fakte ne li sed Valentin, la junulo pri kiu mi parolis pli frue. Valentin asertas ke via homo vivas, ke li vidis lin plurfoje, ke ili eĉ interparolis...

– Eksterordinare! – flustris Mărgărit.

– Sed ke li, – daŭrigis Eftimie, – li, Valentin, ne volas rakonti al iu ajn kiel ili renkontiĝis kaj pri kio ili parolis, ĉar li scias ke neniu kredos lin.

– Nome, kion li celas diri? – demandis Mărgărit frotante la frunton. – Mi ne komprenas...

– Ankaŭ mi ne estas certa ke mi komprenis kion li volis diri, ĉar ĉion ĉi rakontis al mi Iliescu, sed ĉar ĝi estis tiom rakontinda, li ne havis tempon por detaligi. Ĉiukaze, Iliescu estas inĝeniero kun la piedoj sur la tero, ne lasas sin trompi de iluzioj, vizioj, aŭ kio ajn ili estas, Kaj kiam Valentin konfesis al li, iun tagon, ke post la noktomezo, certaj kamionoj malaperas tuj post turno ĉe la kurbo de mi ne scias kiu kilometro, Iliescu ridetis. Tre interese!, li diris. Ankaŭ mi volas vidi ilin „malaperi" ĉe la kurbo. Sed kiel scii ĉu ili malaperas aŭ ne? Ni devas kunporti ankaŭ Marc'on (Marc estas lia kunlaboranto, fidinda homo.), kaj lokiĝi por kaŝobservi, je 10-15

[16] Entomologiaj rememoroj. (france)

[17] Jean -Henri Fabre (1823-1915), franca aŭtoro, fama pro siaj „entomologiaj rememoroj".

[18] Iuliu Maniu (1873-1953), grava rumana politikisto intermilita; viktimo de la komunisma teroro.

metroj unu de la alia, antaŭ kaj post la kurbo... Kaj tiel ili faris. Ĵus antaŭ la noktomezo ili sin „kamuflis" (kiel li diris) malantaŭ la arboj, kaj ĉiufoje kiam kamiono alproksimiĝis, Iliescu informis lin per kurta siblado imitanta mi ne scias kiun noktobirdon...

Eftimie etendis la brakon, prenis la glason kaj, antaŭ ol proksimigi ĝin al la lipoj, aldonis:

– Ĉiuj tri estis lernintaj, antaŭ longe, imiti tiun kurtan kaj stridan sibladon de la nokta birdo... – poste li sorbis trankvile el la glaso kaj serĉis pli komfortan pozicion en la fotelo.

– En la unuaj du horoj ĉio okazis normale. Sed subite aperis superŝarĝita kamiono, antaŭenirante tamen ekstreme rapide, kaj 10-15 sekundojn post kiam li signalis ĝin, Iliescu aŭdis la sibladon de Marc, anoncanta ke la aŭtovehiklo ne pasis antaŭ li, kaj kuris por kontroli. Vere, sur la ŝoseo kiu supreniras en la arbaro tuj post la kurbo, videblis neniu spuro de aŭtovehiklo. Sed, multe pli for, supre, inter la arboj, distingeblis la lampoj de la kamiono kiu antaŭis ĝin je 5-6 minutoj.

– Eksterordinare! – flustris Mărgărit.

– Ankaŭ ni diris la samon, – daŭrigis Eftimie. – Sed Iliescu estas sciencisto. Kiam Valentin diris al li: Ĉu vi vidas ke mi pravis?, li respondis trankvile: Momente nenio konkludeblas. Ni vidu, kio plu okazos... Kaj ili ŝanĝis la poziciojn; Iliescu „kamuflis" sin en bosko, ĝuste vidalvide de la kurbo; kaj Valentin anoncis lin per la sama signalo ĉiufoje kiam li ekvidis alproksimiĝi la kamionojn. Kaj en tiu nokto, diris Iliescu, malaperis pliaj tri kamionoj. Ankaŭ vi konvinkiĝis, insistis Valentin. Ankaŭ vi konvinkiĝis ke mi ne mensogas! Sed mi ne vidis vian instruiston el la Liceo „Sfântul Sava". Kaj antaŭ ol mi mem vidas lin, mi ne kredas!... Marc, pli juna kaj sensperta, ekpanikis: Ni devas tuj informi la instancojn!, li flustris. Male, tuj ĉesigis lin Iliescu, ni diros eĉ ne vorton al iu ajn. Ĉar tio povus krei al ni komplikaĵojn...

– Mi demandas min kial, – intervenis Mărgărit.

Eftimie tusetis kelkfoje, malplenigis la glason kaj mallaŭtigis la voĉon:

– Ĉar Iliescu suspektis ekde la komenco pri kio temas. Li diris nenion en la ĉeesto de Valentin, sed al Marc li konfesis, sekvatage, ke plej probable temas pri armea sekreto: probable, nova kamufla sistemo, per... (kaj ĉi tie li menciis teknikan terminon kiun mi ne komprenis). Kiel ajn, ripetis Iliescu, nek la instancoj, nek iliaj kolegoj, nek, precipe, la ĵurnalistoj, eksciu kion ili malkovris. Ĉar, vere, estis malkovro. Ili kaŝobservis en la sekvintaj tri noktoj, kaj konkludis ke ili ne trompiĝis; ili vidis kiel malaperas la kamionoj: foje du, alifoje kvin, kaj en la tria nokto unu. Nu vere, agnoskis Iliescu, en la tria nokto – efektive estis la kvara nokto de kaŝobservado – ili estis tro lacaj, kaj revenis hejmen multe pli frue.

– Kaj tamen oni eksciis, – intervenis Mărgărit. – Se vi diras ke Iliescu, kaj kiel li, ĉiuj ni rumanoj en Francio estas suspektataj...

– Malbonŝance! – voĉis Eftimie. – Antaŭ ĉirkaŭ du semajnoj, iun vesperon, en drinkejo en Briançon, alude al „flugantaj teleroj", al tio kion oni nomas hodiaŭ *„objets volants non-identifiés"*[19], Marc diris – probable li estis tro drinkinta, – li diris do ke ankaŭ li vidis tiajn misterajn transport-objektojn, li vidis ilin sur nacia ŝoseo. Li rapide konsciis pri la maldiskretaĵo kaj ne detaligis. Li tamen faris mispaŝon, kaj ĵurnalisto tiuurba publikigis la informon ke nova tipo de „flugantaj teleroj" estis vidita proksime de Briançon, kaj dum kelkaj tagoj, en la tuta regiono oni parolis nur pri tio. Imagu do...

Mărgărit stariĝis abrupte kaj signinte al li silenti, proksimiĝis al la pordo kaj, kiam li aŭdis la sonorilon, malfermis malrapide kaj zorgege. Poste, turninte sin al la aliaj, li anoncis:

– Doktoro Tăuşan!

– Pardonu min, kara, – ekskuzis sin la doktoro enirinte. – Mi estas sub observado. Probable ankaŭ vi estas observata, – li alparolis Eftimie'n. – Ni ĉiuj estas sub observado! Mi venis por averti vin. Se oni demandas nin kion ni pridiskutis ĉe „Excelsior", ni estu bone interkonsentiĝintaj, ni ne kontraŭdiru unu la alian...

– Nome? – demandis Eftimie. – En kiu senco?

– Ni ĉiuj diru la samon: ke Iliescu estis diskreta kaj ne detaligis; li diris nur ke, sekve de *malentendu*[20], aperis artikolo en ĵurnalo en la *Midi*[21], kaj ke...

Mărgărit metis denove fingron sur la lipojn kaj eleĝerpaŝe aliris la pordon. Doktoro Tăuşan eksidis sur la kanapo. Post iom da tempo, neaŭdinte la sonorilon, Mărgărit demandis:

– *Qui est là?*[22]

[19] Ne-identigitaj flugantaj objektoj. (france)

[20] Miskompreno. (france)

[21] Sudo. (france)

[22] Kiu estas [tie]? (france)

Kaj ĉar la silento plilongiĝis preme, li ripetis la demandon per pli severa voĉo.

– *Nous venons de la part de monsieur Iliescu.*[23]

– *Mais j'ai des invités,* – komencis Mărgărit. – *Quelques amis...*[24]

– *Monsieur Iliescu nous a prié de vous consulter...*[25]

Levinte la ŝultrojn soldate, Mărgărit malfermis la pordon larĝa. Vidante ilin eniri – junulon altan, magran kaj ege blondan, kun gaja mieno, taŭge vestitan, – Tăuşan kliniĝis al Eftimie kaj flustris: – Ne estas tiuj kiuj observis min!

Iel solene Mărgărit faris la prezentojn: – *Monsieur*[26] Jean Boissier, – kaj la junulo klinis la kapon respekte. – *Monsieur* Gerald Lascaze, – poste li alportis du pliajn seĝojn el la manĝosalono.

– *Mais de quoi s'agit-il?*[27] – demandis Tăuşan.

– Ni parolu rumane, – komencis ridetante amike Gerald Lascaze, – ĉar mi ne ofte havas la okazon, kaj mi multe ŝatas la rumanan lingvon...

– Se mi ne sentus leĝeran akĉenton, – rimarkigis Eftimie, – mi ĵurus ke vi estas rumano.

Lascaze rigardis amuze la kunulon kaj ridis, surprize spontane kaj amike.

– Mi infanis en Rumanio, kaj mia edzino estas rumana... Mi bedaŭras ke mi ĝenas vin, – li daŭrigis alparolante la doktoron kaj Eftimie'n – sed, kiel vi divenis, la aferoj komplikiĝas. Pro tio inĝeniero Iliescu sugestis al mi konsulti vin. Ni scias kion vi diskutis pasintdimanĉe ĉe „Excelsior" kaj tio komplikigas la situacion eĉ pli...

– Kial do? – demandis Eftimie kaj Tăuşan.

Lascaze ridis refoje, bonhumore, turnante la kapon al Boissier.

– Ĉar vi ne estis solaj en la kafejo. Estis ankaŭ aliaj kiuj komprenas la rumanan. Kaj ni riskas ke ripetiĝos la historio de Briançon rilate al la artikolo en *La dépêche*[28] pri *OVNI*[29] kaj la cetero...

– Sed Iliescu diras ke la flugantaj teleroj kaj ĉio alia estas stultaĵoj! – emfazis Eftimie.

– Kaj ĝuste tio gravas, – daŭrigis Lascaze per kvazaŭoficiala tono. – S-ro Inĝeniero Iliescu diris al vi ke, laŭ li, temas pri armea sekreto, kaj tio gravas pli ol *Objets volants non-identifiés*. Pro tio necesis iom da singard-rimedoj. Evidente vi eksciis ke la cirkulado, en la koncerna zono, estas malpermesata dum 24 horoj, kaj estas ekde tiam zorge kontrolata. Ni ja povas paroli pri tio, – li aldonis, – nenia sekreto. Sed mi timas ke venos ankaŭ aliaj singard-rimedoj. Mi informas vin, konfidence, ke probable ni devos inviti vin, ve!, por nur kelkaj tagoj,... inviti al hotelo en Korsiko ĉiujn kiuj eksciis rekte de Iliescu, aŭ pere de alia persono, ĉiujn kiuj eksciis pri la aserto de Valentin Iconaru ke *li* vidintus en aŭtovehiklo sian iaman instruiston pri historio, kaj ke ili eĉ interparolis...

– Sed tiu Valentin estas stultulo! – intervenis Eftimie provante stariĝi el la fotelo. – Kiel oni povus fidi diraĵon de junuleto kiu apenaŭ parolas france?

Kun ironia rideto, Lascaze turnis denove la kapon al sia kunulo:

– *Mais Valentin parle assez bien le français,* – diris Boissier, – *et il est très apprécié au Musée. Il a fait des observations sensationnelles sur les coléoptères de la zone alpine. On a publié plusieurs articles de lui. Bien entendu, sous un pseudonyme*[30], – aldonis li direktante subkomprene la rigardon al Lascaze.

– *En tout cas*[31], – komencis D-ro Tăuşan...

– Ni daŭrigu rumanlingve, – interrompis lin Lascaze. – Mi sentas min pli hejme, se vi permesas al mi tiun esprimon.

– Ĉiukaze, – rekomencis Tăuşan, – ŝajnas al mi troige, pardonu la esprimon, aŭ almenaŭ erare, ke ni estus suspektataj kaj eventuale invitotaj al Korsiko, ĉar Valentin asertas ke li parolis kun sia iama instruisto pri historio, kiu estus dirinta al ili...

– Kiam ni renkontiĝos, – intervenis Lascaze, – kiam ni renkontiĝos en la ombro de lilio, en Paradizo...

Postăvaru ruĝiĝis kaj ekserĉis sian poŝtukon. Li ne kuraĝis levi la rigardon al Mărgărit.

– Do, vi scias ankaŭ tion, – flustris Eftimie. – Vi scias ankaŭ pri la Liceo „Sfântul Sava"...

– Inĝeniero Iliescu rakontis, – klarigis Lascaze.

– Tie komenciĝis ĉio, – daŭrigis Eftimie, – de ilia instruisto. Kian sencon havis paroli al ili, liceaj knaboj, pri la ombro de lilioj en Paradizo?

– Ankaŭ mi demandis la samon, – interrompis lin Lascaze. – Sed, momente, ne tiu problemo interesas nin...

[23] Ni venas en la nomo de sinjoro Iliescu. (france)
[24] Sed mi havas gastojn... kelkajn amikojn... (france)
[25] Sinjoro Iliescu petis nin konsulti vin... (france)
[26] Sinjoro. (france)
[27] Sed pri kio temas? (france)
[28] La depeŝo. (france)
[29] NIFO. (france)

[30] Sed Valentin parolas france sufiĉe bone... kaj li estas tre aprezata ĉe la Muzeo. Li faris sensaciajn observojn pri la koleopteroj de la alpa regiono. Oni publikigis plurajn artikolojn de li. Kompreneble, sub pseŭdonimo. (france)
[31] Ĉiukaze. (france)

Li kaŝrigardis sian horloĝon kaj daŭrigis:

– Mi volus ke ni haltu iom ĉe tiu frazo. Mia kolego, kiu legas kaj komprenas rumane, sed ne kuraĝas paroli, petis min demandi vin, ĉu tiu esprimo – *en la ombro de lilio* – ne havas por vi, rumanoj, ankaŭ apartan signifon; ĉu ĝi ne estas metaforo...

– Metaforo? – ripetis la doktoro. – Tio estas, ke en la rumana ĝi rilatus al io alia... Sed al kio?

Lascaze rigardis lin longe, penetre, kaj poste glitigis la rigardon al la aliaj.

– Ekzemple al la reveno el Ekzilo, – li respondis kun prokrasto. – Ĉar Jean Boissier diskutis ofte kun Valentin (mi povas malkaŝi ke lia „sekreta" ŝatokupo estas entomologio), kaj diskutante, li havis la impreson ke por Valentin „Ekzilo" signifas ion pli ol la staton esti rifuĝinto, tiel kiel ni komprenas ĝin. Impresis lin, foje, la aserto de Valentin ke „la tuta mondo vivas en Ekzilo, sed tion scias nur kelkaj"...

– *Une infime minorité*[32], – precizigis Boissier.

– Kaj mia kolego demandas sin, ĉu la renkontiĝo en la ombro de lilio en Paradizo ne rilatus al beata, triumfa reveno el Ekzilo, same kiel la izraelidoj revenis el la babilona kaptiteco. Evidente, – li aldonis post paŭzo, – ĉi-kaze ne temus nur pri la orient-eŭropaj ekzilitoj, sed pri la plejparto de la eŭropanoj...

– Mi neniam pensis pri io tia, – konfesis la doktoro.

– Ankaŭ mi ne, – rekonis Eftimie.

Lascaze atendis kelkajn momentojn, poste daŭrigis:

– Ĉu vi scias kion respondadis Valentin ĉiufoje kiam sinjoro Iliescu petis lin diri en kiuj cirkonstancoj li renkontis sian iaman instruiston pri historio kaj parolis kun li? Li respondadis ke li ne aŭdacas diri, ĉar neniu prenus lin serioze.

– Sed kiel povas sciencisto kiel Iliescu... – komencis doktoro Tăuşan.

– La problemo estas alia, – interrompis lin Lascaze, – kaj estas pli serioza; Iliescu renkontis Valentin'on lastfoje antaŭ ekzakte unu semajno, kiam Valentin telefonis de la Muzeo. (Parenteze estu dirate ke ĉiufoje kiam li malaperis, li neniam informis Iliescu'n kien li iras; tiel Iliescu eksciis, pere de la telefonvoko antaŭ unu semajno, ke Valentin venadis al Parizo por labori en la Muzeo...) Nu bone, kiam li renkontis lin tiam, Valentin respondis, eble nur ŝerce, ke li akceptas rakonti ĉion kio okazis, al granda famulo religia aŭ scienca...

– Kia impertinento! – ekkriis Eftimie.

Lascaze rigardis lin ridete.

– Tio, evidente, metis nin en embarason, – li daŭrigis. – Ni konsultiĝis kun kiu necesis, kaj trovis la grandan famulon religian, kiun Valentin fidus. Sed ni perdis kelkajn tagojn. Kiam ni sciigis la novaĵon al inĝeniero Iliescu, kaj ni ambaŭ prenis aviadilon por venigi Valentin'on el Briançon (li estis restinta nur du tagojn en Parizo), Valentin estis malaperinta. T.e. ni ne plu trovis lin...

– Kvankam, – intervenis ridete doktoro Tăuşan, – mi supozas ke ankaŭ li estis sub observado.

– Evidente li estis sub observado. Same kiel estis dum la tuta tempo inĝeniero Iliescu, tuj post la artikolo en *La dépêche*, same kiel estis kaj estas ankaŭ vi.

– Ni scias, – flustris Eftimie.

– Tamen, – diris Mărgărit, – ne eblas ne trovi lin. Individuo, fremda junulo, ne povas resti kaŝita longan tempon...

– Evidente ni malkovros lin, – daŭrigis Lascaze. – Sed perdiĝas tempo. Ni jam perdis multege da tempo. Mi supozas ke neniu inter vi renkontis, en la lastaj tagoj, Valentin'on.

– Ne! – parolis Eftimie, kaj ĉiuj aliaj skuis vigle la kapon.

Kiam la telefono aŭdiĝis, Boissier rigardis sian horloĝon kaj, stariĝinte subite, alparolis Mărgărit'on:

– *Je m'excuse. C'est nous!*[33]

Li levis la aŭskultilon kaj aŭskultis dum kelkaj minutoj sen diri vorton. Poste li rigardis al Lascaze kaj skuis la kapon. Lascaze movis la seĝon, eksidis kaj prenis la aŭskultilon. Komence li ne povis kaŝi sian surpriziĝon, sed dum la interparolado longiĝis, lia mieno lumiĝis.

– *Parfait!*[34] – li fine elbuŝigis rigardante subkomprene al Boissier.

Li daŭre aŭskultis kaj de tempo al tempo rigardis sian horloĝon. Fine li flustris: – *Tant mieux!*[35] – kaj remetis zorge la aŭskultilon.

– *Et alors?*[36] – demandis doktoro Tăuşan.

---

[32] Sensignifa minoritato. (france)

[33] Pardonu. Estas [por] ni! (france)

[34] Perfekte. (france)

[35] Des pli bone! (france)

[36] Kaj do? (france)

– La lastaj novaĵoj estas bonaj kaj samtempe la aferoj komplikiĝas. Mi ja povas diri al vi ke Valentin estis akceptata aŭdience ĉe Lia Moŝto la Ĉefepiskopo de Parizo. Kiel eksciis Valentin ke la aŭdienco estis programita por hodiaŭ je la 3a horo, kaj ke ĝuste ĉe la Ĉefepiskopo de Parizo, ni malkovros poste. Intertempe, Lia Moŝto telefonis al la respondeca persono kaj priskribis la aŭdiencon kun Valentin. Mi ne rajtas detaligi, sed mi supozas ke mi ne estas maldiskreta sciigante al vi ke Lia Moŝto estis ege impresita de, ni diru, la rivelaĵoj de ĉi juna natursciencisto. Fakte, – li aldonis ridete, – Valentin pasigos ĉi nokton ĉe la Ĉefepiskopo, kaj Lia Moŝto petis la permeson, ke Valentin akompanu lin morgaŭ, kiam li prenos aviadilon al Romo.

– *Alors, le vieux a compris!*[37] – murmuris Boissier.

– *Hélas, les autres aussi!*[38] – respondis trainter la dentoj Lascaze. – *Le pauvre pilote!*[39]... Ŝajnas ke la aŭdienco ĉe la Sankta Patro estis aranĝita jam antaŭe, – li aldonis turniĝante al la aliaj.

– Sed kion diris Valentin? – aŭdacis demandi la doktoro. – Kiajn „rivelaĵojn" li komunikis?

Lascaze ŝultrolevis, sen provi rideti:

– Ankaŭ mi esperas ekscii ilin pli poste. Sed, Lia Moŝto certigis nin ke la esprimo „en la ombro de lilio en Paradizo" enhavas nenian herezan elementon. Li invitis nin legi la Evangeliojn kaj la Sanktajn Patrojn...

– Kaj la eksa instruisto pri historio, kiun estus renkontinta Valentin... – komencis Eftimie.

– Sen detaligi, Lia Moŝto konfesis ke li ne havas kialojn pridubi lian realecon.

– Do, li vivas! – intervenis Mărgărit. – Sed kie? En kiu lando?

– Ankaŭ tion ni ekscios pli poste. Dume, tio kio interesas kaj nin kaj vin, la rumanojn en Francio, estas la fakto ke vi ne estos devigataj pasigi la sekvajn kvin-ses tagojn en korsika hotelo.

– Finfine, bona novaĵo! – ĝojis la doktoro.

– Tre bona eĉ, el ĉiuj vidpunktoj, – emfazis Lascaze.

Eftimie turniĝis brue sur la fotelo, pretiĝante ekparoli.

– Kaj la kamionoj? – demandis Mărgărit.

– Ĝuste tion ankaŭ mi volis demandi, – interrompis lin Eftimie. – Ĉu tiuj kamionoj, kiuj *malaperas,* vere ekzistas? – kaj vidante ke Lascaze ekrigardis al sia kolego, daŭrigis: – Aŭ, kiel Iliescu kredas, ĉu temas pri armea sekreto?

– Pro tio mi diris ke la novaĵoj estas bonaj, sed samtempe la aferoj komplikiĝas, – daŭrigis Lascaze. – Ili iĝas komplikaj, ĉar ili eskapis nian observon. Ekde nun la enigmo de la aŭtovehikloj kiuj iĝas nevideblaj en certa punkto en la spaco kaj je certa momento en la tempo, tiu enigmo priokupos aliajn.

– Nome? – demandis Eftimie.

– Valentin certigis Lian Moŝton ke ĉi misteraj aŭtovehikloj ŝanĝis sian itineron. Ekde nun ĝi pasos tra neŭtrala lando.

– *Un pays neutre?*[40] – demandis Boissier.

Lascaze turnis la kapon kaj rigardis lin longe, serene.

– *C'est ce qu'il a dit, et il l'a répété: un pays neutre.*[41]

Boissier stariĝis abrupte.

– *Mais il s'agit d'une métaphore!* – eksplodis li. – *Je connais bien Valentin, il faut le rejoindre. Et même assez vite!*[42] – li aldonis.

Ankaŭ Lascaze stariĝis, iom maltrankvila. Tiam aŭdiĝis la telefono kaj, post mallonga hezito, Mărgărit aliris ĝin kaj prenis la aŭskultilon.

– Kiu? Ha!, jes. Ekzakte. Li ĉeestas. Jen li.

Poste li signis al Eftimie.

– Inĝeniero Iliescu. Li volas paroli kun vi.

Ĉiuj stariĝis kaj atendis, timigite. Eftimie aŭskultis iel solene, skuante la kapon kiel kutime. De tempo al tempo li ŝultrolevis nervoze, sed ne aŭdacis diri eĉ vorton. Post kelkaj minutoj li flustris ĝenite:

– Jes, ankaŭ ili estas ĉi tie. Mi diros ankaŭ al ili. Fakte, ni estas pluraj ĉi tie. Mi diros al ĉiuj. Bone!

Li turniĝis triumfa kaj samtempe pensema. Li aliris la fotelon, sed repensante, restis staranta, kiel ĉiuj aliaj.

– Estis Iliescu, – li komencis abrupte. – Telefonis al li Valentin antaŭ horkvarono, informis lin kie ni estas kaj petis lin transdoni al ni mesaĝon. Sed, diablo min prenu se mi komprenas kion Valentin volas diri en sia mesaĝo!... Mi komprenis nur ke *momente* neniu danĝero minacas nin. Sed ni ne forgesu ke la Ekzilo proksimiĝas al la fino, kaj ke ni devas prepariĝi jam de nun. Kiel prepariĝi? demandis Iliescu. Dependas de ĉiu el ni, respondis Valentin, kaj daŭrigis: Tiu

[37] Do, la maljunulo komprenis! (france)
[38] Ve, ankaŭ la aliaj! (france)
[39] La povra piloto! (france)

[40] Neŭtrala lando? (france)
[41] Tion li diris, kaj li eĉ ripetis: neŭtrala lando. (france)
[42] Sed temas pri metaforo!... Mi bone konas Valentin'on, ni devas reatingi lin. Kaj eĉ tre rapide! (france)

kiu neniam amis la florojn, lernu ami ankaŭ ilin. Nur tiel li komprenos ilian sekreton, kiun konas ja la infanoj, sed kiun baldaŭ ili forgesas. Kaj Iliescu diris al mi ion alian, – aldonis Eftimie ĝenite, – sed mi ne komprenis kaj forgesis...

– Ĉu io pri la ombro de lilioj en Paradizo? – demandis Postăvaru.

– Ne, – respondis severe Eftimie. – Tion mi ja estus memorinta... Sed bonvolu ne interrompi min, ĉar mi riskas intermiksi la rekomendojn enhavatajn en la mesaĝo de Valentin... Do, post la afero kun la floroj, Valentin estus dirinta: Tiu kiu parolis nur kun sia kato aŭ hundo, tiu provu paroli ankaŭ kun aliaj bestoj, kiel ekzemple la birdoj en parkoj aŭ la serpentoj en *Jardin des plantes*[43]. Li ne senkuraĝiĝu se, en la komenco, li ne komprenos iliajn respondojn. Per amo kaj pacienco, li komprenos ilin – kaj tiam li ekvekiĝos kaj miregos pri la belego de sia propra ekzisto (aŭ io tia, mi ne memoras ekzakte la esprimon...) Kaj li diris ion alian, – daŭrigis Eftimie post mallonga paŭzo, – sed mi ne komprenis. Ekzemple: ni rigardu ankaŭ la senstelan ĉielon, kaj la malplenajn vagonojn kun estingitaj lumoj, ni ridetu precipe al la gemaljunuloj kiujn ni renkontas... kaj aliajn aferojn kiujn mi ne komprenis kaj ne memoras.

– Kaj Iliescu? – intervenis doktoro Tăuşan. – Kia estis la reago de Iliescu?

Eftimie hezitis kaj metis la manojn sur la dorsapogilon de la fotelo kvazaŭ li volus ripozi.

– Iliescu ŝajnis ege impresita, – daŭrigis Eftimie haltigante dum momento la rigardon sur la vizaĝo de Lascaze. – Li diris: Li, Valentin, pravis, ne mi! Li komprenis...

– Kion li komprenis? – interrompis lin Mărgărit.

– Li diris nur tion: ke Valentin *komprenis*.

– Kaj la aŭtovehikloj kiuj malaperas post la noktomezo? – demandis Tăuşan.

Eftimie levis la manojn desur la fotela dorsapogilo, elprenis la poŝtukon kaj viŝis la frunton.

– Iliescu nur aludis ilin. Ĉio kion Valentin diris al li telefone, li konfesis, la mesaĝo kiun li petis transdoni ankaŭ al ni, ĉio ĉi permesis al li – kaj, li emfazis, permesos ankaŭ al ni – kompreni kial nur *certaj* kamionoj malaperas, kaj kio okazas al ili. Kaj, aldonis Iliescu, tiam ni komprenos ankaŭ tion kio atendas nin, nome tion kio okazas al kelkaj el ni.

– Momente mi komprenas nenion! – konfesis Lascaze alirante la pordon.

Sed li haltis abrupte kaj alparolis Eftimie'n:

– De kie telefonis Iliescu?

– De telefonbudo. Li diris ke estas du-tri aliaj kiuj atendas sian vicon, kaj pro tio li hastas.

– Same kiel ni! – aldonis ridete Lascaze etendante la manon al Eftimie.

Ĉe la pordo li turnis sin al Boissier, kiu estis elpreninta sian notlibreton kaj trafoliumanta ĝin konfuzite.

– *Il faut se presser, mon vieux!*[44]

– Kaj li krome diris ion alian, – flustris Eftimie. – Li diris ke li foriros jam ĉi-vespere.

Lascaze ekridis.

– Ne gravas. Ankaŭ ni foriros kun li. Kaj li ne surpriziĝos kiam ni renkontiĝos. Inĝeniero Iliescu scias jam delonge ke li estas observata ĉiupaŝe...

Eftimie kapskuis, poste aldonis ĝenite:

– Mi ne volis ripeti kion li diris disiĝe...

Lascaze rigardis lin scivole:

– Kion li diris?

– Li diris ke vi ne ĝenu vin observante lin, ke li plenumis sian devon kaj transdonis al vi la mesaĝon...

– Tio estas lia impreso, – ĉesigis lin Lascaze. – Sed estas ankaŭ aliaj problemoj, kiujn ni devas pridiskuti kune.

Senkonscie Eftimie frotis al si la manojn, unu post la alia, per la poŝtuko.

– Kaj li ankaŭ diris: Se Inspektoro Lascaze volas renkonti min ĉiukoste, petu lin atendi min, postmorgaŭ matene, inter la 2a kaj la 3a, ĉe la kilometro 109, sur la ŝoseo Basel-Schaffhausen[45]. Sed ni ne povos interparoli. Mi estos en la tria kamiono, apud la iama instruisto pri historio de Valentin...

– *Sans blague?*[46] – miris Lascaze, refoje en tre bona humoro. – Ĉu li diris nenion alian?

– Li diris: Danku al la Ĝenerala Inspektoro Lascaze pro lia afablo, kaj memorigu lin pri nia unua diskuto. Se tiuvespere, disiĝe, li ne estus dirinta al mi: „*Heureux les pacifiques*"[47], kio estus okazinta al mia animo?...

---

[43] Ĝardeno de la plantoj. (france)

[44] Necesas rapidi, ulo! (france)

[45] Urboj en norda Svislando.

[46] Senŝerce? (france)

[47] Feliĉaj la pacamaj. (france)

Ĉar la gastiganto restis pordosojle, ili aŭdis la aliajn sobiri rapide la ŝtuparon. Post kiam Mărgărit eksidis laca, Eftimie flustris:

– Mi ne scias, ĉu mi eraris nedirante al ili ĉiom...

Mărgărit turnis la kapon surprizite.

– Mi ripetis nur la mesaĝon de Valentin, – daŭrigis Eftimie. — Sed mi ne diris al ili kiujn konkludojn atingis Iliescu rilate la kamionojn kiuj malaperas... Valentin, diris Iliescu, pravis: pretiĝas nova Arkeo de Noa.

– Kiusence? – demandis malserene Mărgărit.

– Tiuj misteraj aŭtovehikloj transportas kvanton da homoj elektitaj el ĉiuj lokoj. La kamionoj ne malaperas, sed eniras spacon kun aliaj dimensioj ol la dimensioj de nia spaco.

– Ulo, parolu pli klare! – petis denove Mărgărit.

Eftimie ridetis melankolie.

– Ankaŭ mi ne komprenis tre bone, kio okazas, sed Iliescu diris al mi: Fakte temas pri kamuflado, plenumanta la samajn funkciojn kiel ĉiu kamuflado; nome, kaŝi sed samtempe altiri la atenton de tiuj avertitaj. Iliescu precizigis – kaj tion mi povas ripeti laŭvorte – ke la vojo al la nova Arkeo de Noa, t.e. al la spaco kun aliaj dimensioj, efektivigeblas subite kaj nevideble, sed por nia bono, ĝi estas foje kamuflita en transportado per aŭtovehiklo...

– Kial „por nia bono"? – demandis la doktoro.

– Li ne havis tempon por klarigi al mi. Sed el ĉio kion li diris al mi, mi komprenas ke temas pri signaloj kiujn oni faras al ni, kaj kiujn iuj komprenas. Ĉar, li ripetis: Kara Eftimie, oni faradas al ni signalojn ĉiuspecajn. Malfermu la okulojn kaj penu deĉifri ilin.

– Do, – konkludis triste Mărgărit, – alproksimiĝas la mondofino. La diluvo. Apokalipso!

– Ne! Ne! – interrompis lin Eftimie. – Iliescu certigis min ke oni faras al ni multajn signalojn, jam de multaj jarcentoj. Sed la kamuflaĵo ŝanĝiĝas laŭ la epoko en kiu ni vivas. Hodiaŭ, en nia epoko regata de teknologio...

Mărgărit stariĝis abrupte desur la seĝo kaj proksimiĝis al li rigardante lin scivole.

– Sed tion ĉi ne diris al vi Iliescu, la aferon kun la epoko regata de teknologio.

Eftimie ruĝiĝis kaj ridetis ĝenite.

– Ne, ne li diris tion. Li eĉ ne havintus tempon. Sed mi divenis ĝin, ĵuse. Fakte, Valentin kaj Iliescu pravas: oni faras al ni signalojn, sed ni preterpasas ilin sen rimarki ilin...

Kaj ĉar Mărgărit daŭre rigardis lin malfide, li daŭrigis:

– Por ekzemplo, jen nia hodiaŭa renkontiĝo: kvar rumanoj, du francoj kaj du telefonvokoj; kaj ĉio ĉi – la renkontiĝo, la konversacioj kaj la telefonvokoj – rilate al la sama esprimo: „en la ombro de lilio, en Paradizo". Ĉu ne ŝajnas strange?

Dum kelkaj momentoj ili ĉiuj rigardis lin maltrankvile, sendecidaj.

– Do, konklude, – la doktoro aŭdacis ĉesigi la silenton, – kio, vi supozas, okazos al ni?

Eftimie sidiĝis trankvile en la fotelon.

– Ni plu atendu, – li respondis ridete. – Eble sonoros unu plian fojon la telefono. Aŭ eble la sonorilo...

– Eĉ se ĝi sonorus, – komencis Mărgărit, – eĉ se...

Sed li ĉesis kaj, paliĝinte, rapidis al la telefono kaj levis la aŭskultilon.

– Hola! hola!

Li atendis kelkajn momentojn, kaj poste ripetis preskaŭ krie:

– Hola! hola!

La doktoro proksimiĝis al li sulkbrove.

– Neniu respondas, – flustris Mărgărit.

Poste li remetis la aŭskultilon kaj aldonis:

– Estas neniu...

Chicago, aprilo
Eygalières, aŭgusto 1982

(Originala titolo: *În umbra unui crin*)

## *La KancerKliniko*
ĝisnunaj suplementoj

**La KromKancerKliniko**

1. *Venĝo*, Olaf Otark; *Surpaŝe al internacia kulturo*, Baldur Ragnarsson; *La fiaskinta seksatenco*, Bernard Golden*
2. *Rikurece*, Olaf Otark; *Pafo dorsen*, Jozo; *La lajo de Ignore*, Danvy; *Serpente*, Jozo*
3. *Amor' estas blinda*, Boris Vian, trad. Hervé Gonin; *La venko de Zorica*, Navojo Ejotalzo*
4. *Stilekzercoj*, Raymond Queneau, trad. István Ertl
5. *La Majstro kaj Margarita*, Kris Long (laŭ Miĥail Bulgakov)
6. *Bruoj kaj ludoj*, J. Manceau, Norberto Saletti, Bertilo Wennergren
7. *Pala fajro*, Vladimir Nabokov, trad. Meva Maron
8. *Letero el Palestino*, Santiago Alba, trad. Georgo Kamaĉo
9. *Hura-a-a-a*, Daniil Harms, trad. Natan Procenko
10. *Pro kio Esperanto?* Koresponda debato inter Hans Bakker, Renato Corsetti, Mark Fettes, Uwe Joachim Moritz kaj Humphrey Tonkin
11. *La orelringo*, Jopetro Danvy
12. *La ĉapo de la sterko-vermo*, Georgo Kamaĉo
13. *Kulturo: valoro aŭ varo?* Jopetro Danvy, Dao Anh Kha, Aldo de'Giorgi, Josef Krob, Gilbert Ledon, Stefan Maul, Manuel de Seabra, Tyrbucjusz Tyblewski, Yamasaki Seiko
14. *Ŝanĝado*, Mao Zifu
15. *Ĉi-semajne, eĉ ajn-mise*, Stefan MacGill
16. *Desegnoj – desegnitaj bendoj (komiksoj)*, Arnau Torras, Kavlan, Laŭrenco Septier, Serge Sire
17. *Elpensaĵoj kaj tradukoj*, Bruna Ŝtono
18. *Alilingvaj erotikaj poemoj*, Gaston Waringhien*
19. *Tradukoj* de Claude Gerlat (laŭ Frank Pavloff, Johan Sfar, Marguerite Yourcenar, Ray Bradbury)
20. *Trilingva landlim' / Frontera Trilingüe / Trilingual Borderland*, Peter Browne
21. *Ekzile*, Mircea Eliade, trad. Ionel Oneţ

**La KancerKlinikoKrestomatio**

1. *Politika Elik-Siro**
2. *Ajnista Elik-Siro**
3. *Kanzonoj*, Jopedan*
4. *GeLKKpoetoj*, LeQuint, LePuil
5. *Revenis mi*, Serge Sire

**La KancerKlinikoteko**

1. *Knedu min sinjorino!*, Renato Corsetti k.a.
2. *Lingvo Universala*, Rikardo Cash
3. *Kvarlingva proverbaro*, Lucien Bourgois
4. *Kompendio pri blazonoj*, Serge Sire

**Speciala numero**

1. *Aventuro de Momo*, Jean-Pierre kaj Michel Cavelan

* Elĉerpita

## *La KancerKliniko*
aboneblas helpe de la jenaj perantoj

*Argentina Esperanto-Ligo*, C. Paraguay 2357 Apto 2, AR-1121 ABK Buenos Aires, Argentino
*Libroservo de Aŭstralia Esperanto-Asocio*, 143 Lawson St, Redfern NSW 2016, Aŭstralio
*Flandra Esperanto-Ligo*, Frankrijklei 140, BE-2000 Antwerpen, Belgio
*Brazila Esperanto-Ligo*, C.P. 3625, BR-70084-970 Brasília – DF, Brazilo
*David Kelso*, 5 Craigenhill Rd, Carluke ML8 4QT, Britio
*Vladislav Hasala*, Dvořákova 1, CZ-696 62 Strážnice, Ĉeĥio
*Dansk Esperantobogslag*, Bryggervangen 70 4.tv, DK-2100 København, Danio
*Jacques Le Puil*, Les Cocherats, FR-18210 Thaumiers, Francio
*Unuiĝo Franca por Esperanto*, 4bis rue de la Cerisaie, FR-75004 Paris, Francio
*Esperanto-Centro*, Wiclefstr. 9, DE-10551 Berlin, Germanio
*Nikolas Xil Carvalho*, 1062 postakutxa, ES-20080 Donostia (Gipuzkoa), Hispanio
*Kataluna Esperanto-Asocio*, Apartat 1008, ES-08200 Sabadell, Hispanio
*Anna Besenyei*, Szerémi u. 21 IV 20, HU-1117 Budapest, Hungario
*Višnja Branković*, Via Parini 5, IT-34129 Trieste, Italio
*Mine Yositaka*, Kitahama-tyô, Kitawaki 29-16, Takasago-si, Hyôgo-ken, Japanio 671-0122
*Yves Bellefeuille*, 2372 Haddington, Ottawa ON K1H 8J4, Kanado
*Kroata Esperantista Unuiĝo*, Sveti Duh 130, HR-10000 Zagreb, Kroatio
*Litova Esperanto-Asocio*, a.k. 167, LT-3000 Kaunas, Litovio
*Universala Esperanto-Asocio*, Nieuwe Binnenweg 176, NL-3015 BJ Rotterdam, Nederlando
*Jerzy Handzlik*, ul. Braterska 41, PL-43-346 Bielsko-Biała, Pollando
*Halina Gorecka*, ab.ya. 1248, RU-236039 Kaliningrad Rusio
*Sveda Esperanto-Federacio*, Vikingagatan 24, SE-113 42 Stockholm, Svedio
*Esperanto-Ligo por Norda Ameriko*, PO Box 1129, El Cerrito CA 94530, Usono

*La KancerKliniko* aperas kvar fojojn jare; aldone ĝi publikigas unu suplementon jare.
La abonprezo varias laŭlande.

**La KromKancerKliniko n° 21**, supplément au n° 120, oct.nov.déc. 2006. Directeur Jacques Le Puil, Les Cocherats, FR-18210 Thaumiers, France. ISSN 0398-5822
Imprimé par nos soins CPPAP 1007K82202

Kovrilo de Francisco L. Veuthey